**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# Almozulo

**(Kim Dong In)**

Estas terura la mondo!

La celo kaj la rezulto, la intenco kaj la fino tiel malkoincidas, ke estas tro mizere klarigi ĝin nur per simpla pretendo: la mondfiniĝo.

Mi mortigis homon, vagulon ...

... Nur mallumo regos en via estonto ... La vivo estas al vi nenio alia ol la ĉagreno mem. Feliĉo? ... ĝojo? ... sekureco? ... Ĉu vi eĉ povas sonĝi, ke tion vi havos en la estonto? Mi konkludas, ke en via estonto certe sinsekvos mallumo, malfeliĉo kaj malĝojo. Via sorto estas tiel mizera, ke vi devas kuntreni ĝis la morto viajn ŝuaĉojn eluzitajn de pordo al pordo por peti unu cendon aŭ iom da rizo ...

Ĉu mi mortigis tiun vagulon pro tia simpatio?

... Via ekzisto estas ja kancero por la mondo. Vi devigas mastrinon enskribi unu cendon plu en sian mastrumlibreton, kiam vi ekstaras antaŭ la pordo de iu domo. Oni devas konsumi almenaŭ iom da desinfektilo por purigi la pelvon, per kiu oni donis al vi manĝaĵon, post kiam vi forlasis tiun domon. Vagas multaj pedikoj ĉirkaŭ la loko, kie vi kuŝis. Multaj bofilinoj devas denove purigi la pelvon pro vi. Tial ke la homoj evitas vin, via ekzisto mallarĝigas la teron jam malgrandan. Vi kaŭzas multe da maloportuneco al la mondo pro via ne-necesa ekzisto en ĝi. Konsekvence, estus pli bone al vi malaperi ol ekzisti tiamaniere ...

Ĉu mi mortigis tiun vagulon pro tia mondsavema ideo?

Neniu restis hejme krom mi. La edzo de la servistino eliris por laborado; la servistino al la preĝejo kune kun mia edzino; kaj la infanoj por ludado. Mia edzino intencis profiti mian dimanĉan libertempon por promeni kun mi. Sed, malfeliĉe, mia gripsimptomo negrava malhelpis ŝian intencon.

Estis timege por mi gardi la domon tutsola. Plie, mi fariĝis nervoza pro tio, ke estis la unua fojo, ke mi spertis tion. Eĉ mallaŭta brueto ĉirkaŭ la pordo alarmis miajn orelojn; mi devis malfermi la pordon kaj ĉirkaŭrigardi, kiam nur unu kato transkuris la korton. Foje, ŝajne aŭdinte ian bruon, mi tuj eliris kaj traesploris de loko al loko. Fakte, nenian bruon mi aŭdis. En tia maltrankvila stato mi ektrovis li viran flankon de mia edzino; kaj mi ne povis reteni amaran rideton. Tiam mi esperis la baldaŭan finon de la preĝado, por ke ŝi povu reveni frue.

Jus klaketis la pordeĝo. Reage la kapon mi eklevis de la kapkuseno kaj koncentrigis la tutan cerbopovon al la oreloj kun streĉita atento. Klakis denove. Jen la pordego malfermetiĝis. Sed mi konvinkiĝis, ke tio estis ne la reveno de mia edzino, ĉar ŝi, kiu ĉiam paŝadas energie, certe ne malfermus la pordegon tiel malforte. Post mallonga paŭzo, mi povis aŭdi paŝadsonon en la korto kvankam mallaŭtan. Poste, homa ĝemvoĉo aŭdiĝis en la korto. Tuj leviĝinte, mi eliris por rigardi. Jen mi trovis vagulon. Ne, ĝustavorte, mi ektrovis ian homaspektaĵon, kiu staris sin apogante al la muro. Kiam kun mirego kaj maltrankvilo mi rigardis tiun vagulon, el lia buŝo sputiĝis nekomprenebla murmuraĵo.

Mi eniris en la ĉambron kaj revenis al li, preninte moneron de unu cendo el mia monujo. Guste kiam mi volis ĵeti ĝin antaŭ lin, mi rimarkis, ke li aspektas tiel malfortega, ke li ne povas eĉ sin movi laŭvole. Tial, mi alproksimiĝis kaj etendante la brakon al li, mi prezentis mian malgrandan donacon. Li ekrigardis la moneron, kaj ŝajne neakceptante ĝin, li remurmuris.

— Kio? — mi demandis. Sed li nur murmuris denove.

— Kio — Mi redemandis kaj post penado mi ekkomprenis, ke li preferas iom da boligita rizo ol la monon.

Mi rigardis lin denove kun atento. Li estis vagulo ankoraŭ nekutimiĝinta. — Eble la hodiaŭa vagado estas por li la virgina almozpetado, — mi pensis. Kvankam li estis viro ĉirkaŭ kvardekjara, li estis ankoraŭ fortaspekta; lia sulkoplena vizaĝo estis pala pro malnutriĝo, kaj jam kurbiĝis lia korpo. Li neniom sputis la karakterizan veadon de ordinaraj almozuloj kaj eĉ neniom elmontris malŝatindan okulesprimon.

— Neniom mi manĝis de kvar tagoj ... senlaboriĝis!

Kvankam ne sufiĉe klara estis lia elparolado, la alvoko per tiaj mallongigitaj frazoj estis homa plendo kutima en la nuna mondo. Tio ja ektuŝis mian koron.

Retirinte la prezentitan moneron, mi eniris en la kuirejon. Sed, ĉar mi ne estis familiara al ĝi, mi neniom sciis pri ĝi. Bretaron kaj ŝrankon mi traserĉis. Sur la bretaro troviĝis supo kaj en la ŝranko mi trovis la restintan rizon el mia tagmanĝo. Unue mi intencis doni ilin al li tiajn, kiaj ili estis; sed mia penso aliturniĝis. Mi verŝis la duonon de la supo en pelvon, por ke ĝi fariĝu miksaĵo. Enmetinte ankaŭ kuleron en la pelvon, mi donacis ĝin al tiu vagulo. Ekpreninte ĝin, li sidiĝis surteren kaj kun terura rapideco transportadis la rizon en sian buŝon.

Rigardinte tion, mi eniris ankoraŭfoje en la ĉambron kaj alportis kvindekcendan moneron. Mi ĵetis ĝin apud lin, dum li estis okupita pri la manĝado. Por ĝi mi eniris kaj eliris la ĉambron rapidpaŝege. Ne, verdire, mi eniris kaj eliris ĝin kiel eble plej rapidege. Ĉar mi ankaŭ gardas en mi la malnoblan karakteron de la nuntempa homo, mi neniel povis forigi la antaŭzorgemon kontraŭ ŝtelado, malgraŭ ke mi havis simpation al tiu vagulo. Por gardi la malkaraĵn kuleron kaj pelvon mi ĵetadis senĉese antaŭzorgeman rigardon sur lin, eĉ post kiam mi revenis el la ĉambro. Mi estis ja preta kaj neniom hezitema frapi lian vangon senkompate, se li kaŝus la kuleron (ĝi kostas nur dek cendojn) en sian poŝon.

Malgraŭ mia suspektemo, la vagulo estis homo tute honesta. Pro lia fervora sinokupado pri la manĝado, lia rigardo atingis la moneron, nur post kiam li finis manĝi. Ŝajnis, ke li ektrovis la kvindekcendan arĝentan moneron tute neatendite. Unue, li hezitis iom; sed poste, ĝin ekpreninte, li rigardis min kaj ĝin unu post la alia.

— Sinjoro! li vokis min.

Mi tuj komprenis lin kaj ekruĝiĝis. Jus antaŭ nelonge, pro stranga antaŭzorgemo, mi ... Tial mi diris al li, ke li forportu ĝin senĝene.

Li dankis min multfoje kaj kun vivplena paŝado foriris tute malsame, ol kiam li estis enirinta. Post lia foriro mi eniris la ĉambron kaj eniĝis en litkovrilon eksentante ĝojon pri la bonfaro, savo kaj simpatio, ktp.

Revenis mia edzino. Ŝajnante aferoplena, ŝi ŝanĝis tuj sian veston kaj eniris en la kuirejon.

— Jam formanĝita? — Ŝi revenis en la ĉambron dirante al si mem parolon tute nekompreneblan kaj strangan por mi.

— Ili jam formanĝis la duonon, — ŝi diris denove nekomprenaĵon.

— Kio formanĝiĝis? — mi demandis ŝin kaj suprenrigardis al ŝi, restante senmove en la lito.

— Nu, pro la ĝenado de ratoj mi miksis arsenikon en la supon. Jen, la duono estas jam formanĝita. Kredeble, kelkaj el ili jam mortis senespere ...

Kio?! Mi firme ekfermis miajn okulojn.

— En kian supon?

— En la bovoviandan supon sur la bretaro . . .

Ho, mi manĝigis arsenikon al la vagulo! Senkonscie mi jen levis jen mallevis la krurojn kaj la kapon unu post la alia. Eliĝis stranga ĝemvoĉo el mia buŝo.

— Kial do vi . . . ?

— Hhhh!

— Ĉu vi febras?

— N . . . e . . . .

— Nu, kial do?

— Donu iom da malvarma akvo.

Mi eksciis poste, ke en la supon ŝi metis du gramojn da arseniko. Kompreneble la vagulo formanĝis almenaŭ unu gramon. Certe, en lia longtempe malplena stomako la arseniko efikas tutpotence. Kaj li jam iĝis kadavro de tiam.

Estas stranga la homa korpo: ĝi fariĝis febra abrupte; mia korpotemperaturo estis nealta ĝis la reveno de mia edzino malgraŭ la gripsimptomo. Momenton post momento ĝi plialtiĝis. Tiel, post mallonga tempo, mi fariĝis grava malsanulo. En tia malfavora stato ŝajne mi ekvidis la malgrasan kaj palan vizion de tiu vagulo.

— Nu, se vi mortos, iru morti al loko, kiun mi ne konas; kaj mortu dum mi ne scias pri tio. Kaj eĉ famo pri tio ne atingu min poste, kiam vi mortis. — Senĉese mi daŭrigis tian pensadon.

Subite babilado aŭdiĝis al mi. Ŝajnis, ke ĝis tiu tempo mi estis endormiĝinta kvankam febra. Vekiĝinte pro la babilado, mi eksciis, ke la infanoj, kiuj eliris por ludi, jam revenis.

— Panjo! Panjo! — tiel parolante eniris la dektrijara plejaĝa knabo.

— Ŝsst! silentu! paĉjo malsaniĝis, — interrompis mia edzino la parolon de la knabo. Sed la infanoj tute senpaciencis pro la novaĵo, kiun ili kunportis. Ĉi tiun fojon la sepjara knabino flustre (tamen la voĉo laŭtiĝis pro la spiregado) vokis ŝin siavice.

— Panjo! Panjo!

— Kio do?

— Tie homo mortis.

— Kia homo?

— Almozulo.

Kio?! Mi leviĝis subite.

— Kie? kie?

— Paĉjo, . . . homo . . . almozulo . . .

— Kie do, kie?

— Tie, tre proksime.

Ekstarinte mi trapasis fluge la pordon, ne rigardante la surprizitan edzinon, kiu, sekvante min, demandis, kien mi iras.

Malproksime mi ekvidis amason da homoj ĉirkaŭstarantaj. Inter ili vidiĝis policana ĉapelo. Kelkaj servistoj de sanitara oficejo ŝprucigadis ĉirkaŭen desinfektilon per pumpilo.

Mi alkuris kaj inter la hommuro mi eltrovis la

## Nokta vizito

*Nokte, kiam fantomo drakone kruela*
*Mian menson turmentis sen fin',*
*Iu fremda ekfrapis timeme ĉe pordo*
*Kaj eniris mansardon knabin'.*
*Ĝemis arbo-gigantoj ekstere, vunditaj.*
*Fulmotondris agata ĉiel'.*
*Mian koron luladis per sonoj arĝentaj,*
*Voĉo via — tilia miel'.*
*Pasis nokto ventega. Malaperis fantomoj,*
*Same vi, mia Viv-variant'.*
*Restis nur, por memoro, de vi forgesita,*
*Bonodora, karmina diant'.*

**Ludmila Jevsejeva**

## El malnovaj kajeroj

*Vi volas, ke mi kantu pri belo de la vivo,*
*sed tiun belon tute ne vidis mi sur ter'.*
*Tro frue konatiĝis mi kun la efektivo,*
*Tro frue elturmentis animon la sufer'.*
*Kaj se mi iafoje komencas kanti ĝojon —*
*Ne kredu: mi mensogas kaj falsa estas son'.*
*Mallumo kovras min kaj mian teran vojon . . .*
*Kaj kie estas belo? kaj kie estas bon'?*

**G. Deŝkin**

---

vagulon, kiu kuŝis trankvile sub junkmato. Vomaĵoj kovritaj de desinfektilo estis dissemitaj ĉirkaŭ li.

— Nomo . . . adreso . . . nesciataj . . .

— Posedaĵoj . . . unu kvindekcenda kaj kvar unucendaj moneroj . . .

— Doktoro . . . ĥolero . . .

— Konjektita aĝo . . . kvardekdu . . .

Miajn orelojn frapis tiaj fragmentoj de paroloj. Post momento oni forportis la kadavron por provizora enterigo. Poste, ankaŭ la rigardantoj disiĝis. Sed mi ŝtoniĝis senkonscie sur tiu sama loko.

Iu ektuŝis mia ŝultron. Staris la policano malantaŭ mi.

— Kial do vi restas stare tiamaniere?

— Nu . . . ĉar . . . lia sorto estas tro mizera . . .

— Ĉu vi konis lin?

— Jes.

— Kiu li estis? kie li loĝis?

— Pri tio mi tute ne scias. Mi donacis al li unu kvindekcendan moneron antaŭ nelonge, kiam li venis al mia domo por almozpeti. La arĝenta monero el liaj posedaĵoj estas tiu.

Mi neniel povis konfesi, ke mi donacis rizon al li. La policano rigardis min kaj skuetis sian kapon kelkafoje.

— Via bonkora donaco eniros en la Fiskan Kason, kaj verŝajne, oni ne povas fari alie. Kredeble, nenian parencon li havas. Se jes, neniu sin prezentos por pagi por li la necesan elspezon de enterigo. Tia afero okazas ne malofte, — tiel parolinte li foriris.

La rizo, kiun mi donacis al li pro simpatio, forrabis lian vivon! La mono, kiun mi donacis al li pro lia malriĉeco, devis eniri en la Fiskan Kason! Tiutage mi skribis en mian taglibron la jenon: — En nia tempo estas mizerega la homo, kiu eĉ simpatian donacon devas fari post preciza ekzameno.

El la korea lingvo: *Usan*

# La kajuto 17

**— Sacha Guitry —**

Iam estis belega ŝipego, kiu ĵus forlasis Southampton, kaj veturis, haltonte en Le Havre, al New-York.

Estis sur tiu ŝipego multaj pasaĝeroj ĉiuspecaj, ĉiuklasaj kaj ĉiukoloraj, sed ĉar ili neniel rolos en ĉi tiu rakonto, la rakontanto opinias nenecese rakonti pli multe pri ili. Nur unu el tiuj personoj vekas en li intereson. Sed pri ŝi, ĉion vi, eventuala legonto, scios.

Ŝi estis dudekdujara anglino, rava kaj blonda, filino de advokato kaj de eks-aktorino, kaj ŝi edziniĝis antaŭ ses monatoj al unu el la plej belaj viroj de Anglujo. Ŝi adoris tiun belan viron, tiu bela viro adoris ŝin.

Li estis ĵus nomita konsulo en Baltimore kaj ŝi iris al li.

Du tagojn antaŭ sia foriro ŝi ricevis de sia edzo la jenan leteron:

»Baltimore, la 12-an de Aprilo.

Mia karega,

»Kiam vi ricevos ĉi tiun leteron, vi povos kalkuli sur viaj fingroj, kiom da tagoj ankoraŭ malkunigas nin.

»Via unua marvojaĝo! Estas al mi dolore pensi ke vi faros ĝin sen mi. Kiom dolĉe estus konduki vin al via kajuto, ĝin aranĝi por vi — kaj mi tiom ŝatus ami vin, puran kaj adorindan etulinon, inter la ĉielo kaj la akvo!

»Tamen mi ne bedaŭras, ke mi alvenis sen vi ĉi tien, ĉar multo estis farenda, por ke nia loĝejo estu inda vin akcepti. Ĝi atendas vin. Kaj mi certas, ke estos agrabla la surprizo, kiun vi havos de ĝi. Ĝi ne estas palaco — dank' al Dio! — sed ĝi estas plaĉega kaj komforta domo. Sed mi jam sufiĉe diris, mi silentas.

»Ĉu vi sukcesis akiri la kajuton 17, kiun mi okupis? Ĉar hazardo faris, ke vi veturas per la sama ŝipo kiel mi, estus al mi tre agrable scii, ke vi dormas en la sama lito, kie mi dormis.

»Bonan vojaĝon! Ĉu vi konsentas fari al mi grandan plezuron? Dum la veturado skribu dufoje ĉiutage viajn impresojn, kaj kiam mi legos tiujn paĝojn, mi povos kredi, ke mi faris kun vi la vojaĝon.

»Transdonu al viaj gepatroj mian koran dankemon. Vin mi freneze amegas.

»Venu, venu, venu tre rapide!

»*J.*«

Apenaŭ ŝi estis en sia kajuto, ŝi obeeme ekskribis siajn impresojn en kajereton, kiun ŝi matene aĉetis.

»Jaŭdon, la 5-a vespere.

»La 5-a vespere. Mi ankoraŭ ne forveturis, kaj vidu, mi jam obeas: mi notas. Mi multe ŝatas tiun vian ideon, sed ne estu tro severa. Mi ne scias, kiel oni skribadas, sed mi esperas, ke se miaj frazoj estas malkorektaj, vi estos sufiĉe afabla tion ne diri.

»Ĉio estas jam aranĝita en la kajuto, sed vian kajuton mi ne sukcesis akiri. Ĝi estis jam rezervita. Mi tuj demandis la ŝipadministranton, ĉu estas eble ŝanĝi. Kun bedaŭro li respondis, ke tio ne estas ebla, ĉar ĝia luinto enŝipiĝos nur en Le Havre. Sed imagu, mi havas numeron 16, kaj la via estis 17. Mi do estas via najbarino. Tiu penso multe ekscitas min. Baldaŭ mi seniluziiĝos: mia lito, kiu estas ne tre granda, tamen estos multe tro granda ĉi-nokte.

»Nur unu aferon mi ĝis nun eligis el mia valizo: vian portreton. Post ĉiu vorto mi rigardas vin.

»Panjo kompreneble akompanis min ĝis ĉitie, kaj ŝi multe ploris, kiam ŝi forlasis min antaŭ momento. Por eviti la ĉagrenon, kiun kaŭzis nia malproksimiĝo, ni saĝe decidis, ke ŝi ne atendos sur la kajo kaj ke mi ne staros sur la ferdeko ĝis la korŝira forira momento. Sed ĉar mi estas certa, ke ŝi ne plenumos la promeson, mi rapide iros sur la ferdekon kaj mi tuj revenos . . .«

*

En Le Havre konsiderinda nombro da pasaĝeroj enŝipiĝis. Ankoraŭ tiam ili estis ĉiuspecaj kaj ĉiukoloraj. Ĉi tiuj estas ne pli interesaj ol kiuj enŝipiĝis en Southampton, nur unu devas altiri jam nun nian atenton.

Tridekkvinjara, kun la aspekto de viro, kiu, kvardekjara, tamen ne ŝajnas pli ol tridekjara, eleganta pro denaska pli ol vesta eleganteco, tiu viro havis atletan staturon kun violonistaj manoj, frandema buŝo kaj treege granda ĉarmo en la rigardo. Unuvorte li estis tia



F. Nyilassy *Danco*

viro, je kies vido ruĝiĝas eĉ virtaj virinoj, kiuj preferas konservi sekrete tion, kion ili pensas pri li.

Malbone edziĝinta en sia dudeksepa jaro, li eksedziĝis kvin jarojn poste, gardante pri la duopa vivado abomenan memoron, kaj ĵurante, ke oni ne plu kaptos lin. De tiam li havis dekok aŭ dudek amatinojn — li ja ne kalkulis ilin. La virinojn li forlasis same kiel li prenis; ilin li konservis dum nombro de noktoj matematike egala al la nombro da tagoj, dum kiuj ili rezistis al li. Kelkaj tiaj am-rilatoj daŭris du monatojn, aliaj du tagojn, aliaj eĉ du horojn.

Tiu rilatado kontraŭ virinoj ŝajnis al li originala kaj prava. Krome li kredis, ke ĝi ŝirmas lin de ĉia ebla malsaĝaĵo, de ĉia forlogiĝo, kiun li jam antaŭe opiniis pereiga. Li kredis sin de nun ŝirmita de la deziro plilongigi kateniĝojn, kiujn la voluptemo de virinoj — aŭ ilia malforteco — igis nur pli-malpli efemeraj.

Spitiĝo mallerte maskita, malŝato al cirkonstancoj, netenebla promeso.

Post dekok monatoj de tia vivo amuza, sed senkohera li subite enamiĝis, freneze enamiĝis, por la tuta vivo, al li ŝajnis, al vienanino — edzino de usonano —, kiun li ekkonis en Montreux, kaj ŝi ne rifuzis sin al li eĉ unu minuton.

Se necesus trovi ekskuzojn por ili, oni facile trovus: tiu aŭstrino kaj tiu franco ŝajnis destinitaj unu al la alia.

Ĉu ili freneze agis, tiel lasante sin al sia deziro?

Ne, tute ne, milfoje ne!

Kiom ili ja ĝuste pravis, li forgesante la naivajn ĵurojn, kiujn li kredis devigaj al si, ŝi malatentante kelkajn neprecizajn promesojn antaŭ ok jaroj konsentitajn, kiam ŝi edziniĝis.

*

Se la legendo estas fidinda, Dio propramane kreis la unuan viron kaj la unuan virinon, kaj estas prave kredinde, ke tion li faris tre zorge, kvazaŭ sortimentante unu al la alia, por ke estu harmonia tiu unua paro. La legendo ne raportas, ke fininte li diris: »Jen la lasta.«

Eĉ, ĉio kredigas, ke li rezervis al si la rajton komponi aliajn — kaj mi estas certa, ke li komponas aliajn — kaj ke li tiel amuzas sin — kial li ne amuzus sin! — igante renkontiĝi virojn kaj virinojn el kontraŭaj rasoj, el tre malproksimaj landoj, estulojn, kiuj estis milojn da kilometroj for unuj de la aliaj, estulojn, kiuj vidas, rigardas, observas kaj ne komprenas, de kie venas tiu nekontraŭstarebla tento ĵeti sin en la brakojn unu de la alia.

Tiu aŭstrino kaj tiu franco kredeble estis kreitaj de Dio ĝuste laŭ la supraj kondiĉoj.

Post tri noktoj da amo senlima kaj freneza ili foriris de Montreux kaj poluris sian amon en Villa d' Este. De tie ŝi avizis telegrafe sian edzon en New-York pri sia nepra decido eksedziniĝi al li.

Tiu virino kaj ŝia edzo, kiuj kaptis ĉiun eblan okazon por havi inter si oceanojn kaj montarojn, ne iluziiĝis pri sia reciproka fideleco; ambaŭ estis ĉiumomente pretaj al ricevo de tia lakona informo, kian li ricevis tiun tagon. Tamen, tiu decido starigis interesproblemojn, kiujn estis malfacile solvi tiel simple, kiel ajn granda estis ilia deziro rapide atingi la celon, aŭ ĝuste pro tiu ĉi deziro.

Pri tio ili rapide konvinkiĝis, kaj ŝi forveturis al New-York la postan semajnon, dum li reiris al Parizo.

# POEMOJ

N. KURZENS

## Nun foje

*Nun foje mi estas ĝoja,*
*nun foje mi povas ridegi;*
*ne estas facile min regi*
*nun foje:*

*el svarmo elkora kaj boja,*
*el varmo sufoke mucida*
*mi pasis per paŝo decida*
*laŭvoje!*

## Ĉe l' celo

*Ho, kial, kial mi invadi devis*
*vian sanktejon kun impeto kruda...*
*Ja kio nun? plu nur ripeto nuda,*
*enua fluo, ne kapabla levi...*

*Kaj tordas min, mordadas min sen ĉeso*
*kruela pens', amara kaj dolora:*
*ja ankaŭ vi fariĝos foje fora,*
*ja ankaŭ vin finfine mi forgesos...*

## Mi scias . . .

*Mi scias: vane serĉi harmonion,*
*trankvilon por la kor' serĉadi — vane:*
*ekhurlas la pasioj uragane*
*kaj — jam denove havas mi nenion.*

*Ja ne radias milde ĉielarko*
*la kolorar' de mia vivoiro;*
*ĝi ne karesas, kiel florzefiro,*
*ĝi — tranĉe akra, konvulsie sparko.*

*Mi povas iri nur, ne pace resti,*
*nur fali, ne kuŝiĝi en kontento;*
*mi povas trompi min pri amosento,*
*eĉ plekti neston, sed — neniam nesti...*

## Mi devas atendi

*Ne venis ankoraŭ la horo por forĝi,*
*ankoraŭ ne iĝis blankarda la fero;*
*ne estas matura la granda afero —*
*mi devas atendi.*
*Atendi senvorte, perforte min bridi,*
*mokridon toleri, obstini, esperi,*
*senglore postresti,*
*ĉion prokrasti,*
*fasti dum jaroj, por festi!*

---

La usona leĝo estas favora al la geamantoj rompante la edziĝojn tiel rapide, kiel ĝi registras ilin; baldaŭ li ricevis la senpacience atenditan telegramon: »Mi estas libera kaj via, rapide venu preni min, mi amas vin. S.«

Jam de dek tagoj lia kofro kaj lia valizo estis pretaj; la morgaŭan tagon li enŝipiĝis en Le Havre. Fine li revidos ŝin, li ĝojis kiel infano. Li estis kiel fianĉo. Tiu virino estis lia amatino, ŝi jam estis edzino, tamen li iris al ŝi kun miriga emocio. En lia penso, ŝia eksedziniĝo donis al ŝi kvazaŭ novan virgecon kaj ŝi donos sin al li kvazaŭ la unuan fojon.

Ĉu atribui tiun senton al la longa unumonata disiĝo, dum kiu li estis al ŝi severe fidela?

Eble!

*

Apenaŭ li eniris sian kajuton, li eligis el sia valizo la portreton de la persono amata.

Tiun vesperon en la granda manĝoĉambro de la ŝipego tricent personoj vespermanĝis, aŭ duope, aŭ triope, aŭ kvinope. Stranga afero, nur du pasaĝeroj estis solaj, ĉiu ĉe unu tablo, kaj ili sidis vid-al-vide. Estis rava juna anglino, kiu amegis sian edzon. Estis tridekkvinjara viro belaspekta, kiu amegis sian amatinon.

Neniam sidis vid-al-vide du homoj pli amemaj.

*

Kelkajn horojn poste ŝi skribis en sian notlibron:

»Mi ĵus vespermanĝis. La nutraĵoj estas tre delikataj, kaj mi estas tute ne ĝenata de la ondomovoj. Tamen ne tre agrabla estis mia vespermanĝo. Jen la kaŭzo: franco, kiu enŝipiĝis en Le Havre kaj vojaĝas sola, sidiĝis antaŭ mi kaj senĉese rigardis min dum la tuta vespermanĝo. Mi ne asertas, ke li malbone kondutis; cetere francoj kaj italoj havas tiun nevolan manion rigardi rekte al la vizaĝoj de virinoj. Sed kiom nekonvena estas tio! Tiu viro ne scias, kiu mi estas kaj aŭdacas tiel rigardi min! Tamen ŝajnas al mi, ke oni devus facile diveni, ke mi amas vin. Nu, kial do tiuj okuloj vane alvokaj kaj febraj . . .«

Dum ŝi skribis tion, li grandpaŝe promenis sur la ferdeko kaj pensis:

»Estas kurioze, ke tiu bela virino ne suspektis, ke mi amas iun, kiu min atendas. Kial ŝi tiel rigardis min? Kial tiel insiste? Ŝi ja tamen ne similas al tiom da certaj virinoj, kiajn mi ofte renkontis. Tute male. Ĉio en ŝia sinteno, en ŝia aspekto montras personon reteniĝeman kaj virtan. Tamen — mi ja kompetentas — ŝia rigardo estis arda; pri tio mi estas certa, tiel, kiel certe mi ne rigardis ŝin. Ŝi ne povas aserti, ke mi provokis ŝin.«

Dume ŝi daŭre skribis:

»Jen kion mi faros morgaŭ, mi metos mian seĝon ĉe la alia flanko de la tablo, tiel ke mi turnos la dorson al li. Kredeble li komprenos.«

Li pensis:

»Morgaŭ mi sidiĝos ĉe la tablo malantaŭ ŝi, tiel mi estos en paco.«

*

La morgaŭan tagon ili denove sidis vid-al-vide, ĉar ili ambaŭ alilokiĝis. Malgraŭ ilia spitiĝo ili devis iomete peni por ne rideti.

Dum la posttagmezo li ekparolis kun la ŝipadministranto. Li demandis lin, kiu estas la tiel bela juna virino.

»Mi scias nur, ke ŝi estas anglino kaj ke ŝia edzo estas ĵus nomita konsulo en Baltimore. Sed mi volas diri, ke la sinjorino volis jam en Southampton ŝanĝi sian kajuton kontraŭ la via.

»Kial oni ne diris tion al mi?

»Ĉar vi enŝipiĝis en Le Havre.

»Tiam ni ankoraŭ povis interŝanĝi.

»La sinjorino havas la kajuton 16.

»Ĉu ni estas najbaroj?

»Jes, sinjoro.

»Mi ne sciis. Evidente estas nun tro malfrue por...

»Ankaŭ miaopinie . . .

Guste tiam la juna virino preterpasis.

»Prezentu min al ŝi, mi petas«, li diris al la ŝipadministranto.

Okazis, kiel en sonĝo.

Ili parolis pri ŝi, ŝi ĝuste preterpasis, la renkontiĝo estis neniel antaŭdecidita, nek de li, nek de ŝi, kaj al ambaŭ ŝajnis, ke li ne povas ne peti pri la prezentado, kaj ke ŝi ne povas rifuzi. Tiom pli, ke la hazarda okazo permesis al ili reĝustigi la aferojn kaj ĉesigi miskomprenon, kies gravecon ili troigis.

Ilia konfuziĝo estis tiel granda kaj videbla, ke la ŝipadministranto subite forlasis ilin, tute ne penante trovi pretekston.

La interparolado temis unue pri la interŝanĝo de la kajutoj, kiu ankoraŭ nun estis ebla. Ŝi respondis eviteme, kaj ŝi tuj parolis pri sia edzo. Tion ŝi nepre bezonis fari, kiel li nepre bezonis paroli pri la amata virino.

Du horojn, ĝis la vespermanĝo, ili parolis pri tio; kaj ili abrupte disiĝis, intence ne adiaŭante: kiel personoj, kiuj intence lasas pordon malfermata.

Ili vespermanĝis vid-al-vide, dum la tuta tempo senĉese rigardis unu la alian. Iliaj okuloj ŝajnis diri:

»Mi konstatas, ke vi ne scias sufiĉe pri la persono, kiun mi amegas, kaj kiu min atendas tie fore. Mi eble nebone komprenigis min, kaj mi volas ankoraŭ paroli. Mi volas konvinki vin, por ke via rigardo ne haltu sur mi tiel fikse kaj ĝene . . .

Ambaŭ plendis ĉe la ĉefkelnero pri la malrapideco de la servado, kiu ŝajnis al ili nekutima.

Ili samtempe forlasis la manĝoĉambron, salutis unu la alian. Ŝi paŝis dekstren, li paŝis maldekstren — kaj ili renkontiĝis tri minutojn poste sur la ferdeko,



F. Nyilassy *Dimanĉo*

# Poemoj de Heiti Talvik

El la estona: Hilda Dresen

### Vero

*Vi estas herb' en velka stat',*
*premita al Biblia paĝo.*

*Vi ĉenojn skuas dum paŝad',*
*malĝoja la martirvizaĝo.*

*Venenas de l' saĝarbo vin*
*serpent' per sia dub-kraĉaĵo...*

*La dia ver' en hom-anim'*
*ekflavas kvazaŭ tapetaĉo!*

### Aŭtuno estis

*Nokt' aŭtuna. Je nebul' ĝi plenis.*
*Mi ebria de drinkejo venis.*

*En la parko mutaj arboj nur,*
*al ostar' similis en nebul'.*

*Mi folion teren fali vidis,*
*piedpremi koten ĝin rapidis,*

*premis koten, ploris kun insist',*
*ploris, ĝis min kaptis policist'...*

### Nin solulojn

*Nin solulojn mort' amike amas,*
*morto amas kaj krepusko lulas.*
*Nin la tagoj fremde preterkuras,*
*niajn harojn stel-arĝent' ornamas.*

*Nia voj' nenian baron havas,*
*sent-impetojn nia sang' ne konas.*
*La pasi' en ni ne ekburĝonas,*
*nin flagrad' de l' foraj spacoj ravas.*

*La flagrado, kiun ni admiras,*
*se pro steloj pezas la ĉielo.*
*La flagrado, kie dronos tero,*
*kiam Dio iam ĝin alspiros.*

### Liberiĝo

*Min pune al rif' Di-Sinjoro*
*ŝiprompis kun forta ekpuŝ'.*
*Defalis sigel' de l' koro*
*kaj ruĝa lako de l' buŝ'.*
*Plu venkon la karno ne festas,*
*Tentanto forlasis min jam.*
*Nun ripoj harpkordoj estas,*
*nur mankas Ludanta Man'.*

---

kvazaŭ rendevuinte. Ili ne miris, ĉar tion ili deziris, kaj la konversacio rekomenciĝis.

Ĝi daŭris du longajn horojn, senlace pri la sama temo. Kiam ŝi laŭdis la ĉarmon kaj la bonajn kvalitojn de la amato, kiam ŝi konkludis:

»Mi ne povas imagi, ke povas ekzisti viro pli bona kaj pli bela.«

Li respondis:

»Ja bone mi komprenas, ĉar al mia amatino ne sufiĉas esti la plej bela. Estas kvazaŭ ŝi estus elpensita kaj farita de pentristo, altvalora pentristo. Ŝi estas ne virino, sed ĉefverko. La okuloj, la manoj, la piedoj, la haroj, ĉio estas perfekta; ŝia rara perfekteco estas intencita, jes intencita: ĝi estas tiu troa, neverŝajna perfekteco, kiun posedas nur la artaj verkoj.

*

Kaj tiuj du amataj personoj fidelaj al du forestantoj tiel forvaporigis ĉian miskomprenon, sed ili ne ekvidis la grandan danĝeron kaŭzitan de tio, ĉar miskompreno estis ilia protekto.

La simileco de iliaj situacioj, la identeco de iliaj sentoj puŝis ilin en komunpensan staton, kiu incitis ilin al pluaj konfidencoj. Voluptemaj kaj parolfluaj, kiu el ili estos la plej amanta! Ili estis du magnetaj polusoj sin altirantaj. Kiam la dekdua sonoris, ili vokis por sia helpo la portretojn de la amatoj.

Restis nur tiu lasta malprudentaĵo.

Sur la soklo de la kajutoj ili montris la portretojn.

»Kiel bela ŝi estas!« ŝi diris.

»Kiel bela li estas!« li diris.

Sed la du senmovaj vizaĝoj ne havis la trankviligan efikon, kiun esperis niaj heroj. Tute male; tiam ekstrema iĝis ilia konfuziĝo.

La longa koridoro estis senhoma kaj senluma. Li paŝis al ŝi, ŝi tremetis kaj apogis sin pala al la muro, kun mallevitaj palpebroj. Li tiris ŝin en siajn brakojn, liaj lipoj premis ŝiajn lipojn, kaj dek sekundojnn poste la pordo de la kajuto 17 fermiĝis post ili.

Neniam du personoj estos pli amataj ol estis amataj tiun nokton la konsulo kaj la vienanino.

Ĉar nia juna virino, *nekapabla esti malfidela*, donis sin al tiu viro nekonata kaj *fidela*, ĉar ŝi estis certa, ke ŝi tiel pruvas al li, kiom multe *ŝi* amas la alian. Ŝi eĉ donis al li pruvojn, kiajn ŝi ĝis tiam ne donis al la alia pro pudoro — cetere promesante al si, ke estonte li ne plu malhavos tiajn. Pro tiu fakto ŝi konkludis, ke ŝi ankoraŭ pli amas sian edzon, ol ŝi antaŭe supozis.

Kiam ŝi vekiĝis, ŝi estis sola, ŝia valizo estis apud ŝi, ankaŭ ŝiaj roboj, ŝiaj tualetaĵoj kaj kompreneble la portreto de la amato.

Tiel okazis la kajut-interŝanĝado kaj la transporto dum ŝia dormo.

De tiu tago ĝis la alveno al New-York ili klopodis kun egala sukceso ne renkonti unu la alian; kaj dum li pensis: »Ŝi komprenis, kiom mi amas tiun, kiun mi amas«, ŝi skribis en sian notlibron:

»Mi komprenigis al tiu franco, kiom mi adoras vin, kaj nun mi vivas en paco tiuflanke. Aliflanke mia najbaro, sciinte pri mia deziro havi *vian* kajuton, tre afable proponis ĝin al mi; tie mi jus pasigis la nokton pensante nur pri vi kaj dum mia sonĝo mi sendube kriis laŭte vian nomon, mi estas certa . . .«

El la franca: *Roger Bernard.*

# La grandurso de Senjen

## *Historio de l' eparĥio Tromsö*

**— Pelle Molin —**

La bienulo de Kvanaas kuŝis por ripozi unu nokton lunbrilan dum la ekfrostiĝo.

La edzino kuŝis ĉe lia flanko ronkante. Ŝia buŝo estis malfermita. Tra du breĉoj en ŝia bruna dentaro la spiro el- kaj eniris kun bruaĉo kaj ĝemo. Ŝia anzo pepis kiel krio el malproksimo.

La luno estis plena kaj brilis tiel, kiel ĝi povas nur ĉi tie norde. La tuta Senjen, la granda insulo, kun montegoj, kulturkampoj kaj bienoj, etendiĝis kvazaŭ en elektra lumo. La fenestroj de la domoj glimbrilis. La montegoj blankis kaj bluis. Ĉiu herbo sur la korto bri'is pro la arĝento de la prujno.

La bienulo ne povis dormi; estis pro la edzino, kaj lia atendado tiklis al li la korpon. La pepanta nazo de la edzino antaŭavertis danĝeron, lamenton, akcidenton. Kvazaŭ kriis al li el malproksime homo pereanta — estis ja la nazo de la edzino, certe: — kaj tamen estis tiel nepriskribeble terure en la silenta nokto.

Li ellitiĝis kaj piediradis silente sur la planko per neaŭdeblaj paŝoj de nudaj piedoj. Li portis heroan decidon, sed tio ne estis videbla je li. Li estis faronta heroagon, sed li ektremis pensante pri la decida momento, kiu venos pli malpli frue dum ĉi tiu nokto. La pafi!o sin apogis al la pordofosto kaj rigardis plafonen per sia profunda kaj nigra okulo.

Ĉe la fenestro staris la bienulo, kiu estis germano, kaj rigardis super la ebenaĵo kaj la montego: tie en la montofendo venos la grandurso de Senjen kiel granda volvaĵo kun fajrantaj okuloj. Kiel ili likvidos siajn aferojn en la silenta nokto, sciis la Grandulo en la alto. Se li nur malpli fanfaronus — se li nur estus preterlasinta la larĝan promeson, ke la grandurso mortos per lia mano ĉi tiun aŭtunon kaj ĉi tiun semajnon: La vendisto en Gilbostad, lia bona amiko, rikanos lin dum multaj jaroj, se li ne plenumos sian vorton.

Kvieta paŝbruo aŭdiĝis. Ĝi kreskis proksimiĝante. La varman preĝon de la germano pri prokrasto ĝis la venonta nokto do ne aŭskultis Nia Sinjoro. —

*La urso.*

Tie li*) venis malsupren laŭ la deklivo, laŭ la krutaĵo. Li tute ne trorapidis kaj ne havis timon. Li haltis de tempo al tempo por ĉirkaŭflari, staris malhela kaj dika kiel makulo en la lunbrila pejzaĝo, pentrinda kaj bonhumora.

En la antaŭa nokto li faris viziton en la najbara bieno, ekprovante la porkinon, la grandan buĉotan. Oni atendis lin. Oni tenis pafilojn kaj havis la okulojn malfermitaj. Kadavron kun elmema pafo oni metis en oportunan lokon, kaj spite al tio ... Tiel strange fariĝis, ke la aŭtomata pafo estis malŝargita propramove, trompe logante la ĉasantojn alkuri — kaj dum tiu tempo patro urso estis tie kaj senigis de la vivo la porkinon. Ŝi kriis en la komenco, pro tio, ke ŝajnis al ŝi danĝere. Kaj eksentante, ke doloras, ŝi eligis orelŝiran blekon, kiu aŭdiĝis ĝis duono de Senjen. Tiam homoj alvenis, kaj patro urso malsata iris al la monto.

La urso staris iom for en la deklivo kaj ĉirkaŭflaris etendante la kapon. La bienulo staris ĉe la fenestro rigardante lin, dum la heroo en li kriis por ago kaj la malkuraĝulo en lia interno plorante petis pri prokrasto ĝis alia nokto — pli malluma. La nazo de la edzino pepis kaj ĝemetis. Tintilo de bovino aŭdiĝis el la bovinejo kaj tuj poste flarbruo de l' patro urso.

La urso ekmovis sin laŭ la deklivo.

Ĝi ĉirkaŭiris la brutejon, rigardante kun humora mieno de kompetentulo en la okuloj. Li eniris brutejon jam antaŭe por preni bovinjon; li sciis trakti la aferon.

Ĉiu paŝo de la grandaj, varmaj urspiedoj degeliĝis la prujnon. Sekiĝintaj herboj ekrigardis mirante.

La bienulo kuraĝis iri ĝis la pordo vestibla, kiun li iomete malfermis, preta tuj ĵetfermi ĝin. Miris ankaŭ li.

Tintis de vitro en la silenta nokto.

Bovino blekis, kaj la bovino kun la tintilo ĝin svingis. La bovino, kiu staris plej proksime al la malgranda fenestro de la brutejo, saltis longe en sian fakon, premis sin al la manĝujo, dufaldis sin rigardante malantaŭen. Ĝi aŭdis flarbruojn kaj vidis grandan urspiedon en la fenestro. Sur la muro gratis ungegoj.

*) *Noto:* Intence ni uzas la viran formon, parolante pri la urso, kiun li norda popolo rigardas kiel egalrajtan personon, karese alparolitan.



F. Nyilassy — *Ventmuelilo de Dorozsma*

# Zamenhof eraris

## — Georgo Verda —

Nia majstro, kiu imagis, ke unu lingvo komuna por ĉiuj povos pacigi la tutan homaron, faris grandan eraron. Post 46 jaroj de laborado, kiam la vojo irota restas ankoraŭ neproporcie pli granda ol la vojo trairita, ni kun maldolĉa seniluziiĝo konstatas, ke la paciga rolo de Esperanto estas nura iluzio. Nia lingvo iĝis la kaŭzo de ĉiuj eblaj malpacoj kaj bataloj, paradokso ĉu ne? Ĝi vekas malkonsenton en niaj vicoj, kaj ludon de pasioj. En nia »sankta« lingvo estas eldirataj la plej malnoblaj profanaĵoj kontraŭ homeco. La zamenhofa kredo: ke Esperanto forigos la plej grandan plagon de l' homaro — la malamon religian, nacian kaj rasan, tiu ĉi kredo de Zamenhof estas mokata kaj profanata mem de tiuj, kiuj arogas nomi sin liaj disĉiploj. Kiel homo (en homa senco de tiu ĉi vorto), mi ĉiutage dankas la providencon, ke la tuta mondo ne jam estas esperantigita, ĉar tiukaze — juĝante laŭ la regantaj nun en Esperantujo spiritagordoj — la homaro estus jam delonge pereinta en reciproka buĉado...

Ne provu pruvi al mi, ke miaj supozoj estas eraraj kaj naskitaj eble de malsana imago. Jes, jes, mi scias, ke tie kaj tie ĉi »eminentuloj« fanfaronas pri paco kaj frateco, ke en niaj universalaj kongresoj oni kantas la zamenhofan himnon, kiel iam en la bonaj tempoj, sed tiu farso ne estas diferenca de la packonferencoj de la Ligo de Nacioj, kun tiu sola diferenco, ke tie, en Ĝenevo, tiun ĉi farson ludas eĉ pli gravaj eminentuloj... La vero estas ja, ke la esperantistaro neniam, aŭ almenaŭ ne en la lastaj jaroj, estis »familia rondo«, sed aro da diversaj homoj, el diversaj landoj, nacioj, gentoj, rasoj, religioj, konvinkoj ktp. kaj se oni sukcesus unuigi tiun ĉi kolorriĉan anaron sub la verda standardo, la regno de l' Dio estus jam tre proksima.

Kredi je iu alta spirito de Esperanto nuntempe jam tute ne estas laŭmode. Ĉar kiel oni povus kongruigi la zamenhofan idearon kun tiu morala regreso, ĉirkaŭbrakanta la mondon? En nia t. n. movado akiris la aŭtoritaton novaj ideologoj, kiuj penas pruvi al ni, ke oni povas egale resti zamenhofa disĉiplo unuflanke, kaj aliflanke prediki mezepokan rasmalamon. Tiuj ĉi »idealistoj« scias adapti sin al ĉiuj cirkonstancoj: — por tio ekzistas ja la beninda sorĉilo de l' Esperantismo, la t. n. neŭtraleco — nur unu aferon ili ne kapablas fari, nome: adapti sin al zamenhofa idearo.

Se Zamenhof kredis, ke lia lingvo kreos la »fundamenton«, sur kiu pace kunvivos veraj kulturhomoj, (kaj ĉiu estos tia vera kulturhomo) tiam li, nia majstro, grave eraris, kiel eraris pluraj etikuloj antaŭ kaj post li. Estas vero, ke granda parto de la esperantistaro, precipe en la postmilita periodo, ne sentis sin ligita speciale al la alta idea tradicio de la esperantismo, kaj tio min tute ne mirigas: en nia movado, eĉ inter niaj »gvidantoj« ĉiam mankis la vera intelekteco, necesa por kulturi aŭ disvolvi nian propran ideologion, kiun ĉiu movado nekontesteble nepre bezonas. Mi jam estas malnova esperantisto kaj arogas aserti, ke mi bone konas nian literaturon kaj ĝian historion, kaj tamen ni neniam ankoraŭ trovis en nia lingvo seriozan eseon pri la ideologio de nia movado! Ĉu pro tio, ke nia movado ne posedas sian ideologion? Ne. La esperantismo posedas sian tute klaran ideologion, sed mankas al ĝi inteligentaj ideologoj, kiujn karakterizus cetere vera sendependeco. Ni ne faru al ni iluziojn: La nobla senkompara idealismo de Zamenhof estas ofte mokata kaj profanata de la »movadestroj« mem, kiuj neniam diras al ni, kia do estas tiu »alta ideo«, en kies nomo oni faras »la sanktan laboron«? Ŝajnas al mi, ke niaj ĉefaj organizaĵoj, antaŭ ĉio ekz. UEA ne estas ja ia nura »ligo de amikoj de Esperanto«, por kiu sufiĉas sole registri la nomon de iu esperantisto, kiel oni kutimas ekz. en filatelistaj grupoj. Ŝajnas al mi ankaŭ, ke universala E-Kongreso ne estas simila al filatelia ekspozicio, kies vizitantoj ne bezonas legitimi sin pri siaj ideaj aferoj. La esperantismo (kaj sub tiu ĉi vorto ni komprenas simple la movadon mem) tamen posedas sian spiriton, sian »internan ideon«, kiu konsistigis la medolon de la afero. Nia himno klare indikas konkretajn celojn, kiujn oni ne povas kripligi. En tiu himno estas apoteozata la dissaltigo de la obstinaj jarmilaj muroj, kiuj dividas la popolojn kaj la sencon de tiuj ĉi vortoj oni ne povas alimaniere komenti. Esperantisto, kiu lanĉas nacian aŭ rasan malamon, ne volante sincere kaj konsekvence rezigni pri la kantado de nia himno, estas aŭ barbaro aŭ idioto, ke mi ne uzu eĉ pli fortajn terminojn.

Zamenhof eraris, supozante, ke Esperanto simple kunigos siajn adeptojn. Por unuigi la homojn en kompaktan anaron, estas necese antaŭ ĉio kongruigi iliajn pensojn, opiniojn kaj konvinkojn, kaj nur poste doni al ili la komunan lingvon, ke ĝi servu al ili. Tiom komprenis la klasbatalaj esperantistoj, poste la katolikoj, sed la »oficiala« movado tion ĝis nun ne komprenis, kvankam tiu ĉi nia »oficiala« movado ne scias precize, kion ĝi fakte reprezentas, kiun klason, kiun mondrigardon? Mi deklaras, ke mi ne povas rekoni niajn superajn instancojn, kiuj ne reagas kontraŭ tio, ke unuj el ĝiaj membroj semas malamon kontraŭ la aliaj.

Ĉu ne estus plej logike kaj praktike, se la esperantistoj dividus sin en kelkajn frakciojn, konforme al siaj apartaj mondrigardoj? Tiam eble la ideo de l' esperantismo povus efektiviĝi racie almenaŭ sur terenoj de la apartaj organizaĵoj, en kiuj la komuna lingvo fakte ludus la pacigan kaj unuigan rolon. Tiam verŝajne kreskus ankaŭ la esperanto-movado mem, ĉar ĉiu novulo scius klare, ke per Esperanto li starigas kontakton kun siaj veraj »samideanoj« de la tuta mondo, kun kiuj li batalas kune por ia difinita celo. Kaj anstataŭ la nunan unusolan »grandan rondon familian«, kies fratoj senĉese interbatalas kaj malpacas, ni havus kelkajn rondetojn, vere ne tre grandajn, sed kompense pace vivantajn.

---

Freŝa kaj malvarmeta aero fluis en la brutejon; la bovinoj tremis Tra la fenestro iris videbla varma vaporo kaj la forta odoro de bestoj kaj sterko; la urso tremis, sed pro avido.

Gis nun li trankvile procedis, ne montrante ian fervoron, sed nun li suprensaltis la muron kaj sin alkroĉis per la du antaŭaj piedegoj en la alte lokita fenestro. La postaj piedegoj gratis kaj skrapis pli malalte. Prosperis al li nur unu rigardo en la brutejon antaŭ ol li refalegis.

Tiu rigardo lin stimulis.

Sed trovante ke li ne kapablas seupere de la glata muro enpaŝi tra la fenestro, li rigardis kun malice ruza mieno la stablon de la rotacia akrigilo kaj decidis uzi ĝin kiel ŝtuparon. Nu, li surpaŝis ĝin — kaj komence aspektis promesoplene. Lia kapo estis samalta kiel la fenestro, kiu troviĝis iom flanke de l' akrigilo. Per la antaŭpiedoj li estis ekprenonta firman tenon

en la fenestroŝojlo, kiam — la akriga ŝtono ekmaltrankviliĝis kaj komencis turniĝon.

La urso movis la piedojn kaj ekvilibris. La akriga ŝtono ŝanceliĝis ien kaj reen kaj faris unu turniĝon. La densharulo rulfalegis, liniante la muron per profundaj gratajoj de ĉiu sia ungego.

Ĝi murmuregis kolerege, kaj timema bleko respondis el la brutejo.

Fenestro estis malfermata en la domo, kaj voĉo de maljuna virino kriis en la lunbrilan nokton:

»Patro. Kie vi estas do?«

Sed la »patro« kuŝis en la malgranda fortikaĵo el ligno kun paftruoj, kiun li faris speciale por la okazaĵo de tiu ĉi nokto kaj lokis sub surfostan budon. Li ne respondis: li havis ŝtopilon en la gorĝo.

La urso denove surpaŝis la akrigilon, klopodis paŝante elvilibriĝi, sed transkapiĝis kaj la buŝego batiĝis kontraŭ la stalmuro. Nun li muĝis.

Li perdis la humoron, kion oni facile imagas.

Ankoraŭ foje kaj dum kreskanta kolerego li surpaŝis la ruliĝantan, rondan okulforman ŝtonon, kiu entreprenis protekton de la bovinjoj de Kvanaas. Ankoraŭfoje li movis la piedojn, ungogratis, ekvilibrante ŝanceliĝis kaj ankoraŭfoje —.

Li trafis rajde sur la feran akson de la akrigilo kaj refalis inter du alojn de la krucoforma turnilo.

La fera akso trafis lin dolorige; li estis duone senkonscia preskaŭ minuton.

Kiel eksilentis ĉio!

La germano aperigis la kapon kvazaŭ scivola galputoro. Li rigardis la nigrulon apud la akrigilo — kiel konvena pafdistanco! Ne pli ol dek kvin ulnoj. Vaporis ankoraŭ el la frakasita stalfenestro. La lumo brilis blanka kaj granda — aŭ ĉu estis la glatrazita, ronda rikanvizaĝo de la vendisto de Gilbostad?

Ĉu li pafu?

Jes, li pafu, konfidante sian animon en la manojn de la Providenco. Sed sammomente patro urso ekstaris kaj elspiris sian brulantan furiozon per longa bleko, kio ĵetis la germanon kapantaŭen en la reduton.

Poste obtuza falbruo. Tio estis la tuta akrigila stablo, kiun la urso ŝiris de la muro kaj ĵetis al la korto.

La urso sentis inciton de malsato. Odoris la bovinejo tiel apetitige. Li ektrotetis ĉirkaŭ la brutejo, komence kviete kaj mediteme, sed poste ĉiam pli ekscite. La tegmenton li ne volis ĉi nokte provi; li tediĝis de grimpado. El la fenestroj ne troviĝis pli ol tiu sola, kie la dolĉa odoranta vaporo elfluis en la lumbrilon. Sed ĉe la malantaŭa mallonga muro estis malgranda truo — ĉirkaŭata de tabuletoj kaj kun amaso sube. Kia — oni komprenas.

Tiam haltis la urso kaj meditis, kaj meditante li surpaŝis la amasaĵon, enŝovis sian piedon tra la truo, enigante ĝin kiel eble plej internen. Li palpis la pintan dorsfinon de bovino, kiu saltegis kaj sin ĵetadis en sia fako. Li aŭdis malesperan koncerton de la aliaj bovinoj kaj aŭdis la klaktinton de la ligiloj. La maljuna grandurso! Li alpremis sin dense al la muro por atingi malproksimen kaj povi almenaŭ gratvundi. La buŝego estis duone malfermita kaj montris la dentojn, kiuj naĝis en akvo de ledeca salivo, kiu malrapide transiris la randojn kaj malrapide fluis sur la sterkamason kiel du arĝentaj fadenoj lumigataj de la lumbrilo.

La urso staris longtempe — tiom longe silenta kaj senmova, ke la germano rampis el sia fortikaĵo kaj malrapide ŝteliĝis antaŭen.

La urso staris longtempe, sed abrupte li eltiris sian piedon kaj ekatakis la tabulkovraĵon de la muro. Tuj viva estaĵo kun levita pafilo kuregante malaperis.

La tabuloj estis rompataj kaj distranĉataj en splitojn kaj disŝutataj sur la sterkamason. Krakis ĉiuj anguloj. Kriis la najloj, kiuj kurbaj estis tirataj el siaj



Bertalan Székely *Studo*

# PRINTEMPO FURIOZAS
## (OCUJA KOROSI)
### — JUN'IĈIRO TANIZAKI —

PARTO V.

Serĉado pri la esto de Tokubei, farita vaste kaj longe de liaj servistoj, fine pruviĝis senfrukta. Serizaŭa respondis demandite, ke li efektive vundis la viron, kiu, tamen, forkuris kun siaj du gekunuloj. Cuja rakontis, ke ili tri, forkurante pro timo al ebla persekuto de la oficiro, perdis unu la aliajn survoje; li ne aperis plu de tiam. Eĉ se li estus forkurinta ĝisfine, ŝi opiniis, tre malgranda estas la espero, ke li postvivas suferinte tiujn vundojn.

La bonŝanca paro lerte trompis la okulojn de la mondo. Nenio ĝenis plu ilin, ili plenĝuis la vivon en gajo kaj rido. Oni kuntiris la brovojn pri ŝia agmaniero, kaj tamen ŝia nomo ĉiam pli famiĝis. Al la knabino staranta sur la zenito de sia sorto, la vivo ŝajnis glaso neniam elĉerpebla.

Iun matenon, kiam proksimume duonmonato pasis depost tiu nokto de la lasta murdo, la antaŭa latpordo de Cuta-ja malfermiĝis, kaj kun voĉo de matena saluto, enlasis vizitanton, kiu estis, el ĉiuj vizitantoj la plej neatendita, Kinzoo de Narihira-ĉoo. Ŝinsuke, kiu ĝuste tiam sidis trinkante sakeon ĉe la fajrujo en la apuda ĉambro, tuj sin pafis supren laŭ la ŝtuparo en granda konsterno, kiam li ekaŭdis lian voĉon.

Disputo komenciĝis malsupre inter Cuja kaj Kinzoo.

»Mi tute ne konas tian homon,« ŝi diris insiste pri sia nescio en maniero pli maldelikata ol akra.

»Se vi diras, ke li ne estas ĉi tie, mi ne volas malŝpari tempon mian kaj vian pro tio. Cetere, se li mem ne havas la intencon, jam estos senutile, eĉ se mi trovos lin perforte serĉante en via domo. Mi do adiaŭos vin; sed mi havas ion por diri al li, fraŭlino. Se vi renkontos lin foje, bonvolu diri al li rekte kaj bone, mi petas, ke mi restas ĉiam fidela al miaj vortoj, mi neniam rompos tion, kio estas sigelita per la vorto de vera viro, eĉ se li rompos siaparte la promeson. Li povas estis trankvila, ĉar nenio elglitos el miaj lipoj. Sed diru al li, ke, se li tiel deziras vivi, mi volas, ke li vivu honeste kaj bone, por ne doni malkontenton al la viro lin fidanta, por ne fari ion ajn, kio subfosas lian vivon, — unuvorte, por sin ŝanĝi al nova homo. Eble li faras nenion bonan, de kiam li forlasis mian domon. Mi esperas, ke almenaŭ de nun li zorgos sin bone, kaj turnos la dorson al la vojo, kiun li sekvis ĝis hodiaŭ. Tio estas mia sincera deziro, do volu diri al li kiel rekte el mia koro, nur por fari komplezon al tiu ĉi maljunulo. — Mi tre bedaŭras, ke mi ĝenis vin tre longe, kaj deziras al vi bonan tagon.« Kaj Kinzoo foriris.

»Ŝin-san, iris tre bone!« Cuja suprenvenis fiera pro sia aranĝo. Sed kiam ŝi trovis lin malgaja kaj senĝoja, ŝi proponis: »Se vi estas tiel maltrankvila, ĉu ni donu la finon ankaŭ al tiu maljunulo?«

»Ankaŭ mi pensis tiel; sed mortigi lin, la viron el viroj, — Dia venĝo estus tro peza, mia pensas!« li skuis la kapon kun ekĝemeto.

Estis fakte, ke lia koro fariĝis lastatempe viktimo de obsedaj ideoj, en kiuj la murdo kaj monrabo ĉiam vidiĝis elstarantaj. Al la geviroj, kunforĝitaj en abunda sango kaj krimo, la vivo ŝajnis jam ne interesa sen stimulo de sanga streĉo. Li ne povis rigardi homan vizaĝon ne imagante la vizion de la samo kuŝanta kiel

---

truoj rustiĝintaj. Estis obtuzaj falbruoj kaj tumulto malantaŭ la stalo, kaj interne estis neniam antaŭe, dum la tempo de la germano, tiel vigle en Kvanaas.

La muro fariĝis rapide nuda, sed la truo ne fariĝis pli granda. La maljuna densharulo staris malkontenta en rubo de tabuloj, splitoj kaj ligneroj.

Kiel alloge bonguste odoris la truo. Varmaj vivaj bestoj. Li devis enŝovi la kapon por iom flari.

La maljuna urso — li havis grizajn harojn en sia felo — pli akre suferis, ol la kompatindaj estaĵoj kiuj el la interno vidis la densharan kapon kaj la malgrandajn pikajn okulojn, tiel ke ili rebrilis kiel subtasoj interne de la krepusko de la stalo. Sed kiel ajn ili sin ĵetis, ili vidis lian hirtan kapon, kiu kun spireganta nazo moviĝis tien kaj reen ĉe la truo.

Nun sekvis la lasta parto en torenta rapideco. Ankoraŭfoje la urso penadis pri la ĉagrena truo, tiel, ke grandaj trunkpecoj forŝiriĝis. Li furiozis, murmuris kaj, se oni povas diri tion pri maljuna urso malsatega — li ploris laŭte. Li saltis pied-apud-piede kaj blasfemis en ursmaniero. Li sentis sin maljuna kaj forlasita. La amaso, sur kiu li staris, odoris kiel bovino; li gratfendetis ĝin. Ĝi odoregis tiel rave; li komencis disfosi ĝin. Kaj kiam li fine aktiviĝis, la furiozo lin kaptis, kaj li vaste disĵetis la sterkaĵon, tiel ke grandaj buloj plaŭdante frapis kontraŭ la muro. Li laboris ŝvitante kaj ne cedis antaŭ ol disĵeti kaj fordisigi la tutan amason.

Tiam li iris.

Trans la angulo li renkontis la germanon. Ambaŭ haltis — sed la germano falis kapantaŭen en sveno. La pafilo eksplodis kaj la kuglo preterflugis la orelon de patro urso, fajfante tiel malagrable, ke li decidiĝis forlasi tiun lokon.

Kutimo estis sur la insulo Senjen, ke oni avertu unu la aliajn, kiam urso alvenis bienon.

Li, la bienulo de Kvanaas, ekiris al najbaro, vekiĝinte el sia sveno, sed ne atingis eĉ la duonon de la vojo kiam li renkontis lin. Jen la urso ĵus prenis bovidinon ĉe najbaroj el »grinda«, kvadrata ĉirkaŭbarejo, en kiu la malgrandaj brutoj estas enfermitaj dum la noktoj. Nenio estis farebla kontraŭ tiu afero.

Sed tio estis la lasta heroaĵo de la grandurso.

Du tagojn poste —

Du tagojn poste lapona junulo iris sian ordinaran sesmejlan vojon trans la montegaron kun poŝtaĵoj. La pafilo pendis de sur lia dorso. Li estis konata kiel neniam maltrafanta.

Alte supre, sur senherba montego li vidis, kiel iras la denshara pekulo flarante en la profundo sur marĉo. Malantaŭ etaj rokoj, jen piedire, jen rampe (sur la ventro) li ŝteliĝis pli proksimen: jes, estis la grandurso — kaj li mortpafis lin, trafante lian okulon.

Sed tiu, kiu faris ĉi tiun majstropafon, ekhavis la ursan tremfroston, kiam eksplodis la pafo. Li kaŭris malantaŭ sia ŝirmo, sidis tie tremante dum horoj kaj ne kuraĝis iri el la loko, antaŭ ol duontago forpasis.

El la sveda: *Sam Owen Jansson*

terura kadavro. Ial li ne povis venki la malbonsignan antaŭsenton, ke sin trovas ankoraŭ unu aŭ du homoj, ricevontaj de liaj manoj teruran finon.

Guste en tiuj tagoj, la negoco de la boatisto Seiĵi komencis lin konduki en la profesian vivon de Cuja. Ĉu pro la prospereco en sia negoco, aŭ pro la nekalkulebla enspezo akirata en malhonesta maniero, li kondukadis la vivon lukse kaj potence la tutan jaron. Nova loĝejo anstataŭis la malnovan. Lin oni nun kalkulis unu el la riĉuloj en la ĉirkaŭaĵo de Takabaŝi.

Atinginte tian cirkonstancaron de sia sorto, kie li ordonis riverencon kaj humiliĝon en sia boatista rondo, — jam havante nenian timon pri Tokubei, verŝajne mortinta, — nur tro preta senti denove la malnovan fajron, kiun li ne elvivis, nek forlasis, — kaj ne sen aliaj kialoj videblaj, li ĉiamaniere penis fari plezuron al la virino, kiu konis lian nigran sekreton. Eble pli spronite de sia renovigita kordeziro, ol tirite de sia pekomakulita konscienco, li provis pacience plaĉi al ŝi kaj ŝin gajni, kvankam li trovis ŝiajn plaĉon kaj preferon tro multekostaj.

En si havante planon dekomence, Cuja akceptis la viron ne tiel malvarme, nek senkuraĝige. Estis ŝia plano lin logi al si kaj igi lin danci laŭ ŝia muziko, ĝis ŝi estos jam preta ĵeti lin flanken, senigitan je ĉio por ŝin kontentigi.

»Se ĉiuj dolĉaĵoj, kiujn vi diris, estas veraj, mi ne povas nei, ke ili pelas mian koron al vi favore. Sed, dum vi estas kun Iĉi-san, mi ne volas ĝui vian bonecon.«

Tion ŝi ripetis ĉiufoje, kiam ŝi elturniĝis el liaj manoj proksimiĝontaj trans iu punkto. Iĉi estis la tria edzino de la boatisto; ŝi estis gejŝo en la kvartalo Joŝiĉoo ĝis antaŭ du-tri jaroj, kiam Seiĵi prenis ŝin kiel sian amatinon. Tuj post la morto de la lasta edzino, li venigis ŝin al sia domo. Ne virino tiel alloga, tamen, ial ŝi ligis lin al si tre firme. Moralaj glitetoj de lia parto aŭ ia ajn malgrandaĵo, sugestianta pri simila eventualaĵo, se elflaritaj, certe elmetis lin, kiel edzon, al riproĉo, ofte akompanata de muskola perfortaĵo. Kiel ajn arde li sopiris al Cuja, la ideo elpeli ĉi tiun virinon ŝajnis afero al li tute neebla.

»Kia diferenco, eĉ se ŝi estas kun mi?« li diris elturniĝe. »Ni havas rimedojn, por ke si nenion rimarku«.

Tiaokaze ŝi kutime respondis. »Mi ne estas kontenta. Se vi amas min sincere, por vi ne devas esti alia virino, nek edzino, krom mi sola.« Intence ŝi prezentis proponon al li neeblan kaj lin turmentis.

»Aŭskultu, sinjoro Seiĵi, vi diras, ke vi amas min, sed tion diras nur via buŝo, — ne via koro, ĉu ne vere? Se vi amas min efektive, kial vi ne mortigas la virinon, kiu konas vian krimon?« Fine ŝi trovis okazon, kaj lin tentis tiamaniere.

»Vi ja devas havi tian kuraĝon, — vi, kiu mortigis eĉ Ŝin-san'on, senkulpan, escepte ke li amis min. . .«

»Tio estas faro de Santa, mi tute ĝin ne rilatas. — Ĉiuokaze, mirinde maltima vi fariĝis lastatempe!« — diris Seiĵi mire kun admiro; sed ŝajnis, ke ŝiaj signifoplenaj vortoj multe movis lian koron.

»Ankoraŭ iom da pacienco — kaj Seiĵi kaj lia edzino falos en la saman kaptilon! Ni pagos al li la malnovajn ĉagrenojn, kiujn li kaŭzis al ni antaŭe.« — tiel flustris ofte la geamantoj inter si, kiam ili trovis sin solaj en la supra ĉambro de Cuta-ja. Tion ili faris pli por dolĉe ĝui kelkajn horojn de sia dormtempo. Kaj tiel ili atendis la okazon; kaj ili trezorigis la esperojn de venĝo. Ĉe ĉiutagaj iro kaj veno, tage kaj nokte, Ŝinsuke laŭeble zorgis ne tiri al si ĝeneralan atenton.

Fine venis la ŝanco, en julio de la sama jaro, kiam la somero estis ĉe sia plejalto. Pro la aresto de unu el liaj boatistoj-kolegoj, la serio da krimoj de Seiĵi komencis pli kaj pli sin montri en lumo, kaj li devis decidi fermi la domon, kaj sin kaŝi en la provincon dum kelka tempo.

»Profitante ĉi tiun ŝancon mi forigos Iĉi-n, la baron de nia amo; volu do forkuri kun mi. Kompreneble ni forportu la tutan monon, kaj fuĝu per ŝipo en profunda nokto.« — Kiam li flustris tion en ŝian orelon, Cuja tuj donis pretan jeson, penante reteni sian koron forte batantan.

La kvara horo de la nokto, kelke da tagoj post la Budaista Festo en la dek-kvina de Julio, — estis la tempo fiksita por mortigi Iĉi-n kaj forlasi la urbon. Ĝis la tago antaŭ la nomita nokto, Seiĵi plene prepariĝis; multajn boatistojn kaj geservistojn li maldungis, ĉiujn meblojn kaj hejmajn diversaĵojn li forvendis, — neniu kaj nenio restis krom lia edzino Iĉi. Li certigis al ŝi, ke li nepre prenos ŝin kune en fuĝo. Al Cuja li sciigis, ke ŝi envenu la domon tra la kuireja pordo, kiam ekbatas la kvara horo de la nokto, ĉar Iĉi jam ne vivos en tiu horo.

Post interkonsento kun Ŝinsuke, sola, kaŝante la vizaĝon parte per vualo, Cuja eniris la boatisto-domon tra la kuireja pordo, precize je la donita horo.

»Jen! Tie ĉi mi estas!« alparolis Seiĵi. Ŝi trovis lin staranta plenstature en la interna ĉambro, prilumata de lanternolumo. Kuŝanta rigide ĉe liaj piedoj kun ambaŭ manoj pugnigitaj en la aero, estis la kadavro de lia edzino.

»Jus mi finis la aferon; estis tre pena laboro!«

Li ankoraŭ spiradis malfacile.

»Kiel ŝi aspektas nun? Lasu min ekvidi.«

Trankvile ŝi plilumigis la lanternon kaj rigardis malsupren en la virinan vizaĝon. Supozeble dank'al la sango kapen sendita ĉe la premsufokiĝo, ŝia haŭtoko-



F. Bolmányi *Iom da vaporo en la kapo*

# Onklino Olivia

— Hasse Z. —

Onklino Olivia havas sepdekok jarojn, sed tamen ŝi estas tre vigla virino, eĉ iom tro vigla kaj verva por la malrapidema tempo, en kiu ni ĝuste nun troviĝas. La plej multaj el la korpopartoj de onklino Olivia estas ŝiaj propraj. Ŝiaj dentoj estas propraj, ŝia hararo estas preskaŭ ŝia propra, kaj ŝia lango bedaŭrinde apartenas al neniu alia. Onklino Olivia gastadas ĉe ni. Ni ricevis ŝin tute senpage, kiel oni ja ricevas maljunajn parencojn.

Kiam onklino Olivia venas al ni vizite, oni rimarkas ŝian ĉeeston jam du kvartalojn antaŭe. Malvarmega bloveto trairas la ĉambron, iu leviĝas dirante:

— Onklino Olivia estas en la proksimo. Iu alia aldiras:

— Ŝi ĝuste nun preteriras la angulon. Kion ni faru?

Neniu trovas emon por ion fari. Ni sidas rigidaj, elmetitaj al tiu sorto, kiu nin atendas.

Onklino Olivia sonorigas ĉe la antaŭĉambra pordo, iu malfermas dirante, kiel oni diradas ion bedaŭrindan:

— Kiel ĝojige, ke vi venas, onklino! Ni ĝuste esperis tion, ke vi venos.

Olivia en la antaŭĉambro malvestas sin, ne tute — dank'al Dio! —, sed grandparte, kaj ni ŝin helpas.

Ŝi sidiĝas profunde en apogseĝon, rigardas nin per severa mieno kaj diras:

— Ne estas plezuro iri sur la stratoj nuntempe.

— Ne, ni diras unuanime, estas terure iri sur la stratoj nuntempe.

Kaj jen ni pensas: Ho, se oni nur estus sur strato ĝuste nun. Kie ajn, sur kiu ajn simpla kaj senpretenda strato, jes, eĉ sur aĉa strateto.

— Hieraŭ aŭtomobilo surveturis piediranton antaŭ mia pordo, diras onklino Olivia, antaŭ *mia* pordo, kvazaŭ ŝi volus postuli, ke la viro havu tiom da prudento, ke li metu sin en alian lokon, antaŭ la pordon de alia.

— Ĉu li mortis? iu demandas por montri sian intereson.

— Tion mi ne scias, rediras onklino Olivia, sed la ŝoforo vivis, la aĉulo! La savbrigado venis, sed kompreneble fariĝos nenio el la afero. En ĉi tiu urbo oni ja rajtas veturi kaj agi, tute kiel oni volas.

— Li eble iris tra la vojo de la aŭtomobilo, diras iu, kiu estas kuraĝa kaj aŭdaca.

Onklino Olivia rigardas la senrespektulon kaj respondas:

— Neniu iras tra la vojo de aŭto! Estas la aŭtoj, kiuj iras en nia vojo! Memoru tion, knabo! Cetere, ĉu progresas via lernado?

— Malbone progresas, diras la patrino de la knabo. Li tre malfacile povas legi.

— Vi similas al via patro, diras onklino Olivia, kaj tiam mi klopodas eliri, sed pluraj paroj da okuloj petegas min resti endome.

Onklino Olivia ekvidas Elisabeth, kiu sidas tremanta sur seĝo ĉe la pordo.

— Tiu knabino ne kreskas, diras la onklino. Ŝi estas precize tiom granda, kiom antaŭ ses monatoj.

— Oh, diras la patrino de Elisabeth, ŝi ege kreskis. Hieraŭ vizitis nin sinjoro, kiu diris, ke li apenaŭ povas ŝin rekoni.

— Oni babilas, diras la onklino. Ŝi tute ne kreskas. Mi kredas, ke ŝi suferas de rakito. Vi devas ŝmiri ŝin per »La ŝmiraĵo de la avino« aŭ doni al ŝi fiŝhepatan oleon kun feraĵo. Tio estas bona.

Elisabeth tute paliĝas. Fiŝhepata oleo estas la plej terura, pri kio ŝi scias, eĉ sen feraĵo, kaj ŝi decidas, ke la venontan fojon, kiam onklino Olivia venos, ŝi supreniros al la subtegmentejo por kaŝi sin.

Dum momento ekregas silento, sed tamen neniu anĝelo trairas la ĉambron. Jen onklino Olivia parolas:

— Oni operaciis s-inon Sköldebrand hieraŭ. Ŝi havis tridekok ŝtonetojn en la galveziko.

— Tio ja estis tre multaj, diris Emanuel, kiu havas supernoton pri matematiko. Ĉu ili elprenis ĉiujn?

— Kion alian ili faru? Ĉu vi kredas, ke ili lasis kelkajn?

— Oh jes, mi kredis, ke ne estas bone, ke oni forprenas ĉiujn.

— Viaj infanoj, diras onklino Olivia turnante sin al mi, estas tiom neinteligentaj, ke tio ĝenas.

Emanuel leviĝas, iras malantaŭ la seĝon de onklino Olivia kaj eligas sian langon kiom pleje eble. Lia patrino rigardas lin per angoraj okuloj, kaj onklino Olivia diras:

— Hieraŭ Charlotte Edelgren finis.

— Ĉu jes; kion ŝi do faris? mi diris.

— Estis apopleksio, dimanĉe oni ŝin entombigos. Tio tute ne estas ŝercinda.

— Pardonu, kara onklino, mi ne tute komprenis.

— Vi neniam komprenis ion serioze. Cetere mi opinias, ke ĉi tie estas trablovo.

— Ne estas eble. Ĉie estas fermite.

---

loro restis ankoraŭ freŝa kaj bela, kvazaŭ ŝi vivus. La restanta sur ŝi esprimo de agonio aspektis simile al tiu de ĝoja rideto. Nur ŝiaj okuloj fiksitaj sur la plafono brilis malvive sed terure.

»Boato estas preta ekstere. Ni kunprenu ankaŭ la kadavron kaj ĝin profundigu ie en la malproksima maro, — kaj monon mi havas, tiom. —« Kun obtuza bruo li metis antaŭ ŝi pezan sakon el pajlomataĵo. Gi entenis kvin cent »rjo«-ojn da oraj pecoj, li klarigis. En tiu momento, la kuireja pordo senbrue malfermiĝis la duan fojon; Ŝinsuke sin enŝtelis.

»Sinjoro Seiĵi, mi salutas vin post longa tempo, kaj dankas pro via zorgo pri mia Cuja.«

»Kio? Ha, sinjoro Ŝinsuke!«

Seiĵi morte paliĝis. Antaŭ liaj okuloj larĝe staris viro, kun la vizaĝo ĝis nun kaŝita sub viŝtuko. Li sin vestis per malpe a vesto kun blua kaj blanka koloroj, kaj per zono blue striita. La haroj estis kombitaj freŝe kaj bole. Kvankam nun li aperis en brilkolora vesto kun okulfrapa desegno, neerareble li estis neniu alia ol Ŝinsuke mem.

»Prave dirite. Mi estas la sama Ŝinsuke, kvankam, eble, iom alia ol antaŭe. Kaj al mi estas honoro raporti al vi, ke via edzino kaj Santa mortis ambaŭ per miaj manoj.«

Al malmultaj vortoj kolere interŝanĝitaj jam sekvis interbatiĝo. Sen batalilo en la mano, Seiji baldaŭ sentis, ke li tre malfacile povas sin defendi. Tiam subite Cuja etendis la brakon de post lia dorso, kaj fikse ŝtopis lian buŝon, kiu estis ĵus ekkrionta por helpo. Dume Ŝinsuke havis sufiĉan tempon por fini sian laboron.

*(Fino sekvas)* El la japana: *J. Ŝimomura.*

# *Poemoj*

— *M. Strümpfel* —

### Aŭgusto

*Sur molaj, bronzaj ondoj*
*Lumeroj balance foriras.*
*Maturaj, brunaj spikoj*
*Malsupren kliniĝas, sopiras.*

*Cejan' al konvolvulo*
*Rakontas pri strangaj aferoj:*
*»Jam baldaŭ blovos ventoj*
*Tra stoploj kaj kelkaj pajleroj«.*

### Suna aprilo

*Lekanteto, lekanteto*
*Jen! sin kaŝas kun koketo.*
*Anemono, kardameno*
*Ekpaliĝas pro ĉagreno,*
*Pro envi', ĉar leontodo*
*Metis laŭ la lasta modo*
*Sur la dikan, stultan kapon*
*Oropuntan, pompan ĉapon.*
*La herbej' ĉe rivereto*
*Al la nova tunaleto*
*Kudras borderaĵon oran,*
*Verdbrokatan: kalto-floran.*

*

*Papilio, papilio*
*Ŝvebe dancas kun gracio;*
*Sturno ŝmacas, merlo flutas,*
*Strange eĉ paser' kondutas:*
*Eĉ la plej malgranda koro*
*Serĉas koron kun fervoro.*

*Sur la arboj la burĝonoj*
*Ŝajnas esti mil pugnetoj,*
*Malfermantaj manojn verdajn*
*Al radio-milionoj*
*Kaj levantaj nektarplenajn,*
*Delikatajn, Di-konvenajn*
*Pladojn jen! el alabastro*
*Al la adorata astro.*

### Eble jam

*Eble nun jam bele floras*
*Ie, ie ajn rozujo,*
*Kiu super mi odoros*
*Baldaŭ antaŭ tujo.*

*Eble nigraj ĉevaletoj*
*Saltas sur herbej' pro ĝojo,*
*Kiuj tiros kvietpaŝe*
*Min sur lasta vojo.*

*Eble ie ajn nun kuŝas*
*Ses malgrandaj kverktabuloj,*
*Kiuj baldaŭ jam min gardos*
*Kontraŭ terobuloj.*

*Eble ie ajn nun floras*
*Tri lekantoj aŭ cejanoj,*
*Kiuj baldaŭ, baldaŭ velkos*
*Jam, en miaj manoj.*

*Eble du okuloj ridas*
*Pri ŝercaĵo sensacia,*
*Kiuj baldaŭ ploros, ploros*
*Apud tombo mia.*

---

— Kiam mi diras, ke estas trablovo, tiam estas trablovo. Kaj trablovo estas tre danĝera por mi. Nun Emanuel ŝteliris kaj malfermis la pordojn al la enirejo. Mi eĉ sentis la trablovon.

Onklino Olivia iris. Ni klopodis inviti ŝin por tagmanĝo. Ŝi rifuzis. Ŝi vizitos paralizitan amikinon. Ni lasis onklinon Olivia iri kaj diris mildajn kaj varmajn preĝojn por la paralizita amikino.

Nun estas finita la interrilato inter ni kaj onklino Olivia. Tio okazis jene:

Iun tagon, kiam mi sentis, ke ŝi venos — ŝi deiris de la tramo kaj enpaŝis nian straton — mi diris al la kolektita familio:

— Ĉu ni kaŭzu al onklino Olivia grandan plezuron! Ĉu ni ŝajnigu malsanon ĉiuj. Ne ekzistas io, kio povas pli vigligi ŝin, ol tute malsanaj homoj.

Ĉiuj konsentis pri la afero, — nia servistino kontraŭstaris komence, sed rezignaciis, kiam mi promesis al ŝi ke ŝi povas ellitiĝi vespere por viziti kinon. Apenaŭ kiam ĉiuj enlitiĝis, onklino Olivia sonorigis. Mi trenis min el la lito kaj malfermis.

— Kiel, diris Olivia, ĉu vi estas malsana? Kial vi surhavas la noktoĉemizon? Aŭ ĉu vi ankoraŭ ne ellitiĝis?

— Envenu, mi flustris per raŭka voĉo. La tuta familio kuŝas, estas ia epidemio. Grandaj makuloj sur la korpo.

Onklino Olivia deprenis la mantelon kaj eniris. Ŝi iris de ĉambro al ĉambro, de lito al lito, kontrolis la pulsojn kaj volis mezuri la temperaturon, sed estis malhelpata, ĉar Emanuel kuris el la lito kaj kaŝis la termometron. Ŝi varmigis akvon en la kuirejo kaj donis al Matilda, la servistino, du kulerojn da ricinoleo. — Tio estas la nura, kio helpas al tiaj homoj, ŝi diris.

Matilda englutis la ricinoleon, kiam mi montris al ŝi kvinkronan monbileton post la dorso de Olivia.

Kiam tio estis farita, onklino Olivia reiris al la manĝoĉambro kaj tie sidiĝis en la sofo por pripensi la situacion.

Mi antaŭsupozis tion. Je mia signo ĉiuj kuregis el la litoj, rekte en la ĉambron, devigis onklinon Olivia forlasi la sofon kaj komencis ronddanci cirkaŭ ŝi, dum ni kriadis:

— Ĉio nur estis ŝerco, kara onklino Olivia. Ni tute ne estas malsanaj! Nur estis ŝerceto. Ni tute ne estas malsanaj!

De tiam onklino Olivia ne vizitis nin. Kaj ni ne kuraĝis ŝin viziti. Ŝi eble ne volus akcepti nin. Ni eble estas tro sanaj por ŝi.

El la sveda: *Sven Ragnar*



# OBSERVO

JAKOB WASSERMANN. Preskaŭ en la tuta mondo, kie eŭropaj libroj estas legataj, oni konas la nomon de Jakob Wassermann. Li naskiĝis la 10-an de marto 1873 en Fürth, proksime de Nürnberg kaj mortis la 31-an de decembro 1933 en Aŭstrio. Kun la morto de Jakob Wassermann la germana literaturo perdis unu el la plej grandaj reprezentantoj de la lasta epoko. Pri sia ligiteco kun la germana lingvo li esprimis sin jene: »Ĝi estas por mi pli ol rimedo por komprenigo kaj pli ol la utilecprincipo de la ekstera vivo, pli ol io, hazarde lernita, hazarde adaptita. Vorto kaj ritmo difinas mian internan ekziston. Ĝi estas la materialo por konstrui la spiritan mondon, por kio mi sentas, se ne forton, almenaŭ senperan inklinon.«

Tiu ĉi majstro de la lingvo havis rakontkapablon grandan kaj tiel subtilan, kiel la plej delikata ĉizlaboro.

Lia libro »Mia vivo kiel germano kaj judo« estas emocia dokumento pri liaj animaj konfliktoj, kiuj turmentis lin jam de lia senĝoja kaj senluma infaneco. Tiutempe regis toleremo. Sed ofte li sentis sin malgraŭ tio nur gasto, tolerata pro boneco kaj tial lin forte obsedis la aspiro je plena homeco. La konflikto ĉiam pli kaj pli intensiĝis. Kaj tiam tri fenomenoj save efikis al la animo kaj spirito de la interne batalanta juna homo. Tri sferoj de travivaĵoj, kiel Wassermann mem diras »la pejzaĝo, la vorto kaj la interna pejzaĝo, kiun la animo kunportas en la mondon el sia antaŭnaska stato kaj kiu estas la kristalo de la vera vivo.«

Wassermann rakontas, ke de sia 10—20 jaro li vivis en konstanta ebrio. »Mi havis atakojn de raviĝo, de sovaĝa kvieta sinforgeso, kaj la apartiĝo estis tiel forta kaj subita, ke la ligoj ŝiriĝis kaj ke mi restis kvazaŭ fendita, ankaŭ sen scio, kio tie okazis al mi. En ambaŭ sferoj mi vivis kun pliakrigita atentemo, ĉar atentemo ja ĝenerale estas mia ĉefa esenc-trajto, sed forestis pontoj, mi povis esti ĉi tie tute sobra, tie en ekstazo, sed mankis ĉia komuniko, ĉia mesaĝo.

Miro kaj malespero estis la animstatoj, kiuj min pleje regis, miro pri ĉio okazinta, ĉio sentita, malespero pri tio, ke ĝi ne estis esprimebla. Mi estis kvazaŭ Moseo, venanta de la monto Sinaj, sed forgesinta pri tio, kion li tie vidis kaj kion Dio parolis al li.«

La vivcirkonstancoj de Wassermann ne estis facilaj. Konstanta malsereneco premadis lian animon. Pro sia dueco, germano kaj judo, li neniam trovis internan trankvilon. Same kiel li estis artisto, senĉese sin prilaboranta, li estis ankaŭ eterne baraktanta homo, kiu sentis la profundan tragikon en la vivo de la judoj, la tragikon, ke la judo kunigas en sia animo du sentojn: la senton de privilegia supereco kaj la stampon de senhonorigo.

Estante 23-jara Wassermann verkis »La judoj de Zirndorf«. Li ĉerpis el la pasinteco el la mitoj kaj legendoj de la popolo, kies ido li estis kaj aliflanke li penis koncize pentri la estantecon kaj estontecon de tiu ĉi popolo. Li diras, ke li verkis la libron sen konscia pripensado, kvazaŭ rakontante sonĝon, kvazaŭ laŭ ordona diktaĵo. Li volis, ke la libro estu lia konfeso, pensesprimiĝo, li esperis liberiĝi de la inkubo, kiu frakasis lian junecon.

Siajn verkojn »La judoj de Zirndorf« kaj »Caspar Hauser« (aperinta 11 jarojn post la unue nomita verko) Wassermann nomas poluspunktoj, inter kiuj li serĉe moviĝas, inter la juda kaj la germana problemoj.

Lia juda sorto destinis lin esti batalanto por la justeco, por la »lumdemando«, kiel li nomas ĝin. Lin tamen pleje interesas la homo. »Mi volas pentri homojn, kies animoj estas la plej pursona kaj sentema instrumento por la nekomprenebla ludo de la sorto. Mi ne volas priskribi al vi la kunligon de la eksteraj okazaĵoj, sed la ĥaoson de la internaj. Mi ne volas prezenti al vi fulmotondron, sed la estiĝon de la fulmotondro, ĉion kio antaŭas ĝin, kio estas kulpoplena kaj respondeca.«

Depost »La historio de la juna Renate Fuchs« (1900) Wassermann iĝis unu el la plej konataj germanaj romanistoj. En tiu romano li priskribas la dolorplenan evoluvojon de la nova virino. Ankaŭ la virino devas trapaŝi ĉiujn vivciklojn, t. e. tra malpuraĵo, koto kaj ĥaoso, antaŭ ol renaskiĝi.

La sorton de pura homkoro Wassermann rakontas en »Caspar Hauser«. Ĉi tie li pasie batalas kontraŭ la »inerteco de la koro«, kiel nomiĝas ankaŭ la subtitolo de la verko.

De sia infaneco Wassermann okupis sin pri la figuro de Caspar Hauser. La avo de Wassermann, komercisto en Zirndorf, estis multe rakontinta al la knabo pri la mistera infano, trovita en Nürnberg. Wassermann dediĉas tutan jaron por la studado de la aktoj kaj de la materialo pri la persono Caspar Hauser, kaj finstudinte li skribas: »La figuro de la Nürnberga trovita infano neatendite kreskegis kaj lia sorto iĝis por mi la sorto de la homa koro ĝenerale, de la homa koro kontraŭ la mondo.« Por Wassermann Caspar Hauser estas homo sen pekoj, la pura homo, la mezurilo de la homvaloro. Lia animo similas al gemo, kiun ankoraŭ nenies avida mano estas palpinta. Kaj ĉiuj penas kapti ĝin, ĉiuj malpurigas ĝin, neniu proksimiĝas al ĝi malegoiste. La homoj ne kapablas kredi, ke povas ekzisti senkulpulo, tial ili nomas Caspar Hauser trompemulo, ili ja ne povas kredi, ke ĉio en li estas malfalsa. Oni mortigas Caspar Hauser, sed jam antaŭe lin mortvundis la homaro.

Sian grandan verkistan talenton kaj formadkapablon Wassermann pruvas per sia duvoluma romano »Christian Wahnschaffe«. Kune kun la heroo de la romano, bela juna homo el riĉa familio, li malsupreniĝas en la abismojn de la homvivo. Neniu malpuraĵo povas algluiĝi al li, ĉiam pli pura kaj perfekta li iĝas. Ĉiam pli bone li kapablas legi en la animoj de la homoj. Kortuŝe estas pentrita la brava, senkulpa figuro de la junulino Ruth, plena je mistera ĉarmo.

Wassermann ne perdas sin en detalaĵoj, malgraŭ la detalaj priskriboj de apartaj animaj travivaĵoj ĉiam temas pri io tuta.

Preskaŭ en ĉiujn kulturlingvojn estas tradukita lia verko »La Juĝafero Maurizius«, kiel bazo servas la multe pridiskutita sorto de advokato Hau. Junulo, turmentita de la demandoj pri justo kaj vero, ankoraŭ ne venkita de la inerteco de la koro, ekbatalas kontraŭ la ekzistantaj juĝleĝoj por helpi al la venko de la justeco.

Granda estas la nombro de liaj romanoj kaj rakontoj. Krom la jam nomitaj ankoraŭ estas notindaj »La anservireto«, »La maskoj de Erwin Reiner«, »La tropiko« (3 volumoj), »Faber aŭ la perditaj jaroj«, »Laudin kaj la liaj«, »Moloko«, »Tumulto pro la junsinjoro Ernst«. Rakontoj kaj noveloj »La fratinoj«, »La ora spegulo«, »La neniam kisita buŝo« kaj kiel daŭrigo de »Juĝafero Maurizius« la romano »Etzel Andergast«, kaj lia lasta verko »La tria ekzisto de Joseph Kerkhoven«,*) konfeslibro de la nuntempo.

Wassermann estis vera kosmopolito, verkisto, kies animkordojn tuŝis la sorto de ĉiuj homoj, el ĉiuj socirondoj kaj klasoj. *Selma Rosenblatt † 1934.*

*) Rigardu recenzon en la junia numero.

**GRAVA LITERATURA DATO.** En la komenco de septembro okazis la unua centjara datreveno de la eltrovo — en la Oxforda universitato — de la fama manskribaĵo, enhavanta plej antikvan dokumenton pri la »Chanson de Roland« (Rolanda Kanto).

Tiu grava poemo fundamenta por la franca literatura kaj inspirinta tiel multajn verkojn en ĉiuj literaturoj konsistas el 12.000 versoj dekdusilabaj; sed oni estas certa pri la ekzisto de aliaj kelkmil malaperintaj versoj. La aŭtoro, nekonata kiel la plimulto de la mezepokaj verkistoj, estis — kredeble — franca monaĥo. Dum multaj jaroj oni kredis lin samtempa al la batalo; sed post longaj studoj, nun oni asertas, ke li vivis dum la XII. jarcento kaj estis unu el la akompanintoj de *Alfonso el Batallador* (Alfonso la Batalisto) reĝo de Aragono, en la almilito de Zaragoza, ĉar li tre bone priskribas la lokojn de tiu militiro kaj maltrafas en la ceteraj geografiaj cirkonstancoj.

Sendube, en la vivo de Rolando estis pli gloraj kaj pli allogaj faktoj; tamen la aŭtoro elprenis la malgajan malvenkon de *Roncesvalles*, por verki poemon de morto, de doloro.

La postgvardio de Karolo la granda estis venkita en la Roncesvala montgorĝo — laŭ la poemoj — de Zaragozaj maŭroj. Tamen la epigonaj literaturaĵoj multe varias pri venkintoj: por la hispanaj eposaj verkoj la venkanta heroo estas la kastilja (hispana) *Bernardo del Carpio;* por la vaskaj kantoj la montaranoj tieaj.

La Navarra Kultura konsilantaro organizis literaturan vesperon en la Pamplona teatro, kaj la 2-an de septembro oni inaŭguris, en la loko mem, kie la batalo okazis, simplan monumenton »Al la Paco en la Pireneoj«. La monumento konsistas el dudekŝtona arko — je la honoro de la 12 »pairs« de Francujo. De la arko pendas sonorilo kun latina skribaĵo: PULSATA OMNIBUS PACEM SONO (ludata por ĉiuj mi sonas pacon). Ambaŭflanke estas du steleoj kun surskriboj, unu vaske kaj alia arabe: »*Dio havu kompaton al ili*«. Sub la arko estas kvadrata tablo.

La afero havas — por ni Esp.-istoj — krom la literatura, ankaŭ lingvan intereson. Vere internacia festo, ĉar la verko, la aŭtoro kaj la Ĉefheroo estas francaj, la eltrovo angla, la herooj francaj, kastiljaj, vaskaj kaj arabaj.

*A. N. D.*

**LILITH, DE SALVATOR GOTTA.** Salvator Gotta, malmulte konata eksterlande, estas treege populara en Italujo, kie liaj eldonaĵoj vendiĝas je pli ol 60.000 ekzempleroj. Tio, en lando kie la romanleganta publiko formas nur malgrandan procenton de la loĝantaro, povas doni al li la titolon »plej vendata« .

»Lilith« estas verdire pli bone rakontita ol estas ĝenerale la tiaspecaj verkoj. Ĉiaj karakteroj estas pentritaj tiel vive, ke rigardante ilian evoluon tra dudek jaroj — de 1912 ĝis la nuntempo — ni sentas, ke ni bone konas ilin ĉiujn. La enkonduka frazo kvazaŭ resumas la temon: »Mi naskiĝis« diras la heroo, Andrea Sales, »la tagon, kiam mi ĉesis esti simpla — kiam aperis antaŭ mi la unua virino sendita de Dio por kompliki mian animon kaj miajn sensojn.«

Lia patro estas norditala farmisto — bela maljuna patriarko, kiu malŝatas ĉiujn librojn pro ilia ŝancela efiko, deklarante, ke »homo nerestanta enradikita en la tero ne estas homo.« Pro ironio, la virino, kiun Andrea amas, estas aŭstra judino, fratino de revoluciulo, edukata inter ardaj intelektuloj. Ŝi fariĝas por Andrea, kio Lilith, fratino de Lucifero, estas por Adam — turmento kaj inspiro. De la momento, kiam li vidas ŝin, bananta en ŝia nuda beleco, lia vivo estas ŝanĝita. Li sekvas ŝin en Germanujon, studas en ŝia kosmopolita etoso, ĝis kiam la milito ĵetas ombron sur ilian idilion. De tiam, la rakonto prenas mirige neantaŭvidatan turnon. Kelkaj legantoj povos malaprobi la finon, sed per granda arto la aŭtoro ŝajnigas ĝin neevitebla.

Energia, vivoplena libro, volupta kaj sprita, kia ĝia heroino — libro legota kun aprobo aŭ protesto, neniam kun indiferenteco. La ĉeffiguroj estos varme pridiskutataj, kio donos pozitivan pruvon, ke ili reale vivas.

**VAN VECHTEN: NEGRA ĈIELO.** Mezkvalita artprodukto, tre mezkvalita. Sed estas eble, ke por tiu leganto, kiu prenas libron en la manon nur por forpeli la enuon — ĝi estas distra, kiel iu ajn detektivromano. La templekto estas tute same elekstere konstruita, la stilo same grize flua, kiel tiuj de la detektivromanoj, sed ĝia medio en sia ekzotika realeco ĝin indigas, ke oni proksime konatiĝu kun ĝi. La »Negra Ĉielo«, Harlem, kvartalo de New-York, kie la koloraj parioj ĝuas specialajn rajtojn kaj eĉ se en ĉi tiu izoliĝo estas io simila al getto, ĝia avantaĝo estas, ke la negroj povas vivi en ĝi laŭ siaj strangaj, arbitraj leĝoj. En la okuloj de la negroj ne vivantaj en ĝi kaj en la okuloj de la riĉaj negroj, Haarlem estas efektiva terenplantita ĉielo. En New-York eĉ hodiaŭ ne malofte okazas, ke se negrofamilio ekloĝas en domo, la blankaj najbaroj foriĝas de ilia proksimo kaj la tutan straton alproprigas la negroj tiamaniere. Tiel same, domon post domo, straton post strato, alproprigis la negroj la tutan Harlemon. Serioza venko ĝi estis kaj la instruitaj negroj, kiuj ankaŭ hodiaŭ, kun diplomo en la poŝo, devas inter la blankuloj servi kiel sakportistoj, ŝupurigistoj, liftistoj, multe parolas pri la pluaj ebloj de tiu bonsukcesa konkero. Ili aranĝas sciencajn diskutojn pri la rasaj problemoj, ili ne sentas sin subvaloraj al la blankuloj kaj kredas kun ia eterna optimismo, ke devas alveni la mesio de la negroj. Serioza valoro de la libro estas la malkovro de ĉi tiu socia problemo. Kaj pesante ĉi tiun vidpunkton, ni povas preterrigardi la malgrandan artan kvaliton.

La ama historio, kiu donas la temon kaj la agon, estas tute ŝablona romanskeleto kaj malkovras, ke Van Vechten, la nederlanda verkisto, staras ekster la mondo de la negroj. Li estas sufiĉe bona observanto, sed vane ja, se liaj diraĵoj estas ne travivitaj, sed nur trapensitaj. Akceptebla kaj preskaŭ kontentiga estas ĉi tiu metodo tie, kie la verkisto priskribas eksteraĵojn kaj tie, kie li konatigas la aranĝon, klasdividiĝon de tiu negra socio. Ĉar estus erare kredi, ke la negroj, malestimegataj de la blankuloj, vivas inter si en reciproka honorado kaj estimo en la konkerita kvartalo. Kiel en la granda homara komuno, ankaŭ en ĉi tiu »Negra Ĉielo« ekzistas klasdiferencoj, kiujn oni konstatas laŭ la pli-malpli hela haŭtkoloro kaj la materiala stato. Ekzemple neniu volonte alparolas la karbonigran negron; la ŝatataj estas la orobrunaj, kiujn kun granda estimo oni nomas blusangaj. Kaj elektitaj infanoj de la sorto estas la tute helhaŭtaj. El tiuj ĉi »heluloj« miloj kaj miloj malkonfesas sian rason kaj traglitas al la »farunvanguloj«. Estas iuj, kiujn poste la konscienco maltrankviligas pro tiu ĉi perfido kaj ili reglitas al siaj koloraj fratoj. Kaj Van Vechten almontras ne nur al la internaj negroproblemoj, rezultantaj el la diferenco de la haŭtkoloroj, sed ankaŭ al tiuj ekonomiaj diversecoj, kiuj fine igas la malamegatan karbonigrulon ŝatata de la eminentaj »aristokratoj« kaj samtempe repremas aliajn orebrunajn en la vicon de la parioj. Kiel en unu guto vi trovas la maron, en Harlen vi trovas la senaniman malharmonion de la tuta homa socio. La verk-

isto lumigas honeste la faktojn, donante sian opinion nek por nek kontraŭ. Sed tamen li ne estas indiferenta pri ĉi tiuj sortoj, li estas humanisto kaj permesas al siaj figuroj, ke ili diru kelkfoje ion, kio taŭgas eĉ je agitado por sociaj ŝanĝoj.

La plej vivplena, plej plastika figuro de la romano estas la »ruĝa prostituito« (ĝigolo). Li estas vanta kaj malsaĝa negra junulo, sed kun perfekte rava staturo, per kiu li vivas el la mono de negraj knabinoj kvazaŭ eta reĝo. Li trapromenas la stratojn de Harlem kun konkera eleganteco, skandalas en kabaredoj kaj amuzejoj, li estas la idealo de la amemaj okuloj, fine li miksiĝas en murdaventuron, sed kiel el ĉiuj malbonoj, ankaŭ el tiu li eskapas. Li estas figuro, kiu longe restos vive en la memoro de la leganto. La verkisto publikigas en sia libro ankaŭ kelkajn belajn negrajn poemojn kaj »spiritualojn«. Mi skribas ĉi tie el la enkondukaj versoj de Fenton Johnson kelkajn liniojn:

Ni ripozu iom, edzineto Lissy Jane...
En la riveron enĵetu bubaĉojn; la civilizo ja donis da ili tro multe.
Pli bone morti, ol mature konscii,
ke negro oni naskiĝis.

Ofte ni aŭdas kaj aŭdis krom la »Negra Ĉielo« saman ekveon en la mondo de la kulturitaj blankuloj. Jes ja, ni povas senti dum la legado de la libro, ke ankaŭ nia propra sorto estas ofte identa kun la senhoma sorto de tiuj negraj ŝarĝportistoj kaj revuloj.

THE TRAGEDY OF GHANDI. De Glorney Bolton (Allen and Unwin, London)

Kvankam jam longa vico da libroj aperis pri Ghandi, estas tamen nekontestebla fakto, ke la granda amaso rigardas Mahatma-n ankoraŭ ĉiam kiel timigilon por infanoj. Pro tio estas la verko de Bolton tre oportuna; ĉar ĝi montras simpation kaj samtempe kritikemon; ĉi tiu verko kapablas nuligi la nescion, kiu ĉirkaŭas tiun neĉiutagan fenomenan individuon.

Jam komence en la verko certigas nin la aŭtoro, ke li malŝatas la asketismon de Ghandi; tiu asketismo tute ne estas — laŭ la opinio de la verkinto — la asketismo de de liaj antaŭuloj Ruskin kaj Tolstoj; ĝi estas nur la asketismo de moralisto, kiu ne estas artisto. »Ghandi disŝiras multe pli da beleco ol kiu ajn alia homo el nia generacio.«

Tiu estas nur unu flanko de Ghandi. Aliflanke, ni ekscias, ke jam la dekdujara knabo juris, ke li volas batali por la liberigo de parioj. Jam frue alvokis lin lia misio kaj dum sia tuta vivo li restis al ĝi fidela. En sia junulaĝo Ghandi tute ne estis glorriĉa. Kiel advokato, praktikanta en Sudafriko kaj poste en Hindujo, Ghandi ofte perlaboris plurajn milojn da sterlingaj funtoj. Multe pli poste li rifuzis ĉion krom la potencon.

Kion ajn diras liaj malamikoj, estas nedubinde, ke ni renkontas tie ĉi homon kun altvalora kuraĝo kaj seriozeco. Se ni rigardas la evoluon de la instruo de Ghandi: ĝi ŝanĝiĝis el ne-perforteco tra ne-kunlaboro kaj pasiva kontraŭstaro ĝis publika malobeo — ni rimarkas, ke li ne estas kiel la kutimaj agitantoj.

»The Tragedy of Ghandi« estas ne nur interesa studaĵo pri homo, kiun konata hinda ŝtatulo karakterizas kiel »ruzan, sed kapablan por la plej supraj formoj de la veremo«, sed ankaŭ por multaj legantoj signifoplena kaj enhavriĉa enkondukilo al la problemoj de la nuntempa Hindujo.

## NIAJ BILDOJ

*ĉi-numeraj prezentas hungarajn artistojn.*

*Ferenc Nyilassy*, mortinta antaŭ nelonge, estis majstro de genro-bildoj, kies forta popola aromo, vivgaja kolorgamo, vigla fabelemo kaj klasika perfekteco eternigas la kutimojn kaj kostumojn, vivon kaj karakteron de la popolo de l' hungara Ebenaĵo.

*Ferenc Bolmányi* estas eminenta kaj moda portretisto kun granda internacia reputacio. Ni reproduktas de li genro-bildon, kun mirinde trafa »kapto« de karaktero kaj humoro.

*Bertalan Székely*, malnova, delonge mortinta pentristo, estas granda figuro de la hungara monumentala historia pentro. Sed eble pligranda li estis en siaj malgrandaj kompozicioj kaj skizoj, kiel montras la reproduktita studkapo.

## Atentu! Grava informo!

Laŭ malnova plendo de niaj abonantoj kaj legantoj, nia gazeto inter la hodiaŭaj cirkonstancoj ŝajnas iom multekosta. Bedaŭrinde, estas tre malfacile solvi tiun problemon, ĉar pro la preskaŭ konstanta deficito de la gazeto ni ne povas perdi eĉ unu plian centimon.

Tamen post longa cerbumado ni trovis solvon, kiu povos kontentigi ambaŭ flankojn. Laŭ tiu solvo la unua abono al Literatura Mondo restas senŝanĝa por ĉiu, sed

*ĉiu plua abono kostas nur svfr. 4.50*

Sola kondiĉo, ke la gazeton ni ekspedu al la sama adreso. Tiamaniere la pluaj abonoj do kostas

*nur la duonon*

de la ĝisnuna abonprezo.

Tion ni faras por faciligi al la malnovaj abonantoj varbon de novaj. Ni tre esperas, ke malnovaj abonantoj, loĝantaj en la sama urbo ne eluzos tiun favoron, sed pagos al ni, kvazaŭ por helpo, la malnovan abonprezon.

Sed ĉi tiu malalta abono grave helpas la poekzempleran vendadon de la revuo. Pro tio ni konsentas, ke ĉiu orda abonanto ricevu laŭdezire el ĉiu numero interkonsentatan kvanton komisie por vendado. Tiaokaze prezo de simpla numero: 0.40 svfr.; de duobla numero 0.70 svfr. aŭ egalvaloro. Post regula vendado de almenaŭ 5 ekzempleroj el ĉiu numero

*ni repagas la pagitan abonprezon.*

Solaj kondiĉoj, ke la venditaj numeroj devas esti pegataj ĉiun monaton kaj ke el la porvende mendita kvanto ni ne reakceptas ekzemplerojn.

Ni esperas, ke vi bone akceptos ĉi tiujn novigojn kaj helpos, ke ni povu pliampleksigi nian komunan, ŝatatan organon.

*Literatura Mondo.*

## Premio por frupagantoj

Ĉijare ĉiuj abonantoj, ekspedintaj sian abonrenovigon plej malfrue ĝis la 31-a de decembro, rajtas ricevi la bindilon por 1934. por pago de nur 60 svisaj centimoj.

Frupagantoj, ne dezirantaj la bindilon rajtas aĉeti unu el la malsupre listigitaj libroj por la pago de svfr. 1.50 afrankite:

Weinhengst: Tur-strato 4
Aisberg: Fine mi komprenas la radion
Kalocsay: Streĉita Kordo
Brzekowski-Grenkamp: Pri l' Moderna Arto.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

**Dancu Marionetoj**, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo**, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj**, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo**, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo**, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
**Petőfi: Johano la brava** luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro**, silkebind. — 5.— bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
**Dante: Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
**Hekler: Arthistorio** I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
**Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto** vol. I. A—J bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—

**ALIAJ VERKISTOJ:**

**S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio** romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
**Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto** bind. 9.—, broŝ. 7.—
**J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50 broŝ. 1.50
**Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano** novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
**Szilágyi: La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
**Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo**, kun 95 ilustraĵoj duonlede bindita — — — — — 15.50
**L. Totsche: De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
**Engholm: Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
**Engholm: Infanoj en Torento** romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
**I. Sirjaev: Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
**H. Weinhengst: Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
**E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion!** bind. — 6.— broŝ. 4.50
**K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
**K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio** bind. 4.20, broŝ. 2.70
**Teodor Herzl—B. Selzer: La Juda Ŝtato** bind. 4.20 broŝ. 2.70
**Hungara Ŝlosilo** — — — — — 0.18
**Jelušić—Rotkvić:** Cezaro bind. 11.—, broŝ — — 9.—
**R. M. Rilke—Münz:** Leteroj al Juna Poeto bind. 1.35
**Adamson:** Auli bind. 3.—, broŝ. — — — — — 1.60

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien**, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen**, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk**, Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec-Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11. La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 187
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, **ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

**Abonu kaj legu la Monata Gazeton**

# Informoj de Esperanto Asocio de Estonio

**Respegulantan la esperantan vivon en Estonio.**

●

Abonprezo: 2·50 sv. fr. jare. Specimeno 1 resp. kupono.

●

Adreso: Tallinn, Estonio postkast 6.

●

Laŭ sama adreso estas mendebla estona literaturo en esperanta traduko.

●

**Postulu katalogon**

---

Bona, intersea, vivanta gazeto redaktata de profesiaj ĵurnalistoj estas:

# NIA GAZETO

**monata, grandformata, okpaĝa, ilustrata, absolute sendependa**

Direktoro: **Georges Avril** — Ĉefredaktoro; **S. Grenkamp - Kornfeld**

Ĉiu numero enhavas almenaŭ 2 500 liniojn de interesa, varia bonstila teksto pri aktualaĵoj, literaturo, muziko, artoj, sciencoj, medicino, lingvaj demandoj, esperanta vivo, humoraĵoj, ktp. Notindaj estas ampleksa gazetar-revuo kaj objektivaj recenzoj. — **Jarabono: 10** fr. fr. por Francujo: 12 fr. fr. por landoj aliĝintaj al la konvencio de Stockholm; 15·— fr. fr. por aliaj landoj. **Provekzemplero ricevebla kontraŭ respondkupono de poŝto aŭ de UEA**

## NIA GAZETO

29, avenue de la Victoire, NICE (Francujo) Poŝĉeka konto:
**Eclaireur Numero 262.74 Marseille**

---

# *Scienca Gazeto*

Unu el la plej gravaj gazetoj en Esperanto.

●

Aperos regule dumonate depost komenco de 1932.

●

Formato 23×15 cm., 20 paga.

●

Legu pri sciencaj progreso, esploroj, trovajoj, en Esperanto.

●

Specimeno 1 respondkupono.

●

Jarabono 4 svisaj frankoj.

●

ABONU TUJ ĈE

***Amerika Esperanto-Instituto***
*124 King St. Madison, Wis., Usono.*

---

# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.
*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.
*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.
*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.
La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperartikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.
*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.
Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.